BELETRISTIKO

BIBLIOGRAFIO

Ŝi antaŭjare, kiel kapreolo,
Facile, flirte kuris kun pe
Kaj dancis, ludis, ŝercis
Kelkfoje eĉ la pupon

Sed misterajo ve
Kaj reva iĝis l
Kaj novaj se
Miksajo s

OBSERVO

kontraŭdiro: rajto
perforte oni aranĝu
jura absurdajo, kie

Kant same kondamnas an
la ŝtatoj devas, per saĝaj
la revolucioj. Sed kiu dono
por tiuj reformoj? (Ĉar la ŝtat
Jen la respondo de Kant: La
de filozofoj kaj jurscienculoj. Ĉar la
publiki, aŭtomate validiĝas. La pr
ĉiun revolucion.
Sed kiel solviĝas la problemo tie, kie
libereco? Je tiu demando Kant ne dona
La libro de Kant estas filozofia leĝp

ARTO

Vere, ŝi sen
ne havante m
ĝin eble nur
amata, kaj ke
apud si la kon
l' viroj. Ŝi ĝuis
Tamen, proksime
afliktiĝis. Venis al ŝi
estis trompita en sia sen
demandis sin, ĉu ŝi vere havis
parton, ĉu ŝi ne donis multe pli da
ŝi ricevis?

ALBRECHT DÜRER

ROMANO

La princo ĝuis sian delikatan elpensajon, Beethoven
Li vidis la kontraŭvolan rideton de la grafino, li trav
ŝian maloportunan

APRILO 1931

# LITERATURA MONDO

Dua periodo

unua jaro

4-a numero

**Ĉefredaktoroj:**

***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***

**Redaktoroj:**

***Karlo Bodó kaj Francisko Szilágyi***



**Redakcio kaj administracio:**

**Kolomano Kalocsay,**

Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I.

Telefono: József 382—98.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝo-sendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



La maja numero de nia gazeto aperos la 25-an de la monato

# La Festeno ĉe Trimalĥiono

**— Titus Petronius Arbiter —**

Petronio estis samtempulo de la roma imperiestro Nerono, ĉe kies kortego li vivis kiel la favorato de la imperiestro kaj la plej supera juĝanto pri ceremonioj kaj bongusto. Kiel multaj aliaj en la ĉirkaŭo de la duonfreneza tirano li fine senfavoriĝis kaj ekhavis perfortan morton: vidante la minacantan mortjuĝon li mem mortigis sin — elegante kaj facilanime, kiel li vivis (67 p. kr.). De li ni posedas fragmentan kulturan romanon, genian spegulbildon de la nerona tempo kun ĝia malmoraleco kaj dekadenco. La plej granda fragmento estas la brila priskribo de la festeno ĉe Trimalhiono, el kiu la ĉisuba traduko estas eltirajo. Kun mokanta ironio li tie pentras la ridigan personon de Trimalhiono, iama sklavo, kiu riĉiĝis, kaj la plebejan guston de la parvenuo. Sed nun ni sekvu Enkolpion, la rakontanton, kaj lian kunulon Askilton al la festenejo, al la palaco de la nobla Trimalhiono.



ine ni alvenis al la domo de nia invitinto. Ĉe la enirejo staris pordisto vestita verde kun ĉerizkolora zono, purigante pizojn en arĝenta pelveto, kaj super la sojlo pendis ora kaĝo, en kiu multkolora pigo salutis la gastojn. Mirege mi rigardis tion, kaj enveninte mi ne povis ne rigardadi la mirigajn pentraĵojn sur la tuta muro. Post kiam ni satigis nian rigardemon, ni estis enirontaj en la manĝoĉambron. Sed tuj sklavo, kies sola devo tio estis, ekkriis:

— La dekstran piedon unue!

Ni piedfrapadis dum momento por antaŭmeti la korektan piedon kaj ne transpaŝi la sojlon kontraŭ la regulo.

Fine ni kuŝis ĉetable, kaj sklavoj verŝis neĝan akvon sur niajn manojn. Dume aperis la unua, tre apetitiga manĝaĵo, ĉar nun ĉiuj estis ĉetable escepte de Trimalĥiono. Sur pleto staris azeno el korinta bronzo, portante duoblan sakon kun verdaj olivoj en unu kaj nigraj en la alia duono. Sur la azeno estis krome du pelvetoj, en kies randoj estis gravuritaj la nomo de Trimalhiono kaj la pezo de la arĝento. Sur allutitaj pontetoj vidiĝis manĝeblaj musoj, ŝmiritaj per mielo kaj papavaj semoj, kaj sur arĝenta rostkrado vaporantaj kolbasoj.

Tiuj ĉi frandaĵoj ĝuste absorbis nian atenton, kiam subite muziko aŭdiĝis kaj Trimalhiono mem estis enportata, sidante sur amaso da kusenoj. La vidaĵo nin preskaŭ ridigis, ĉar lia glata, senhara kapo elstaris ridige el skarlata mantelo, kaj ĉirkaŭ sia kolo li havis manĝtukon kun purpura bordero kaj ĉirkaŭe dependantaj franĝoj. Purigante siajn dentojn per arĝenta dentpurigilo li diris:

— Efektive ne plaĉis al mi ankoraŭ altabliĝi, miaj amikoj, sed por ne igi vin atendi tro longe, mi tute rezignis mian propran plezuron.

Nun oni enportis korbon sur pleto, kaj en la korbo kuŝis ligna kokino, etendante la flugilojn, kvazaŭ ĝi estus kovanta. Du sklavoj tuj aliris, kaj traserĉante dum muĝanta muzikado la kovejon, ili elprenis unu pavan ovon post la alia kaj disdonis ilin al la gastoj. Trimalĥiono alrigardis kaj diris:

— Mi metigis pavajn ovojn sub la kokinon, kaj, je Herkulo, mi timas, ke ili jam estas kovitaj. Tamen ni ekzamenu, ĉu ili ankoraŭ estas manĝeblaj.

Ni disrompis la ovojn, kiuj estis faritaj el ia dika pasto. Mi preskaŭ forĵetis la mian, ĉar ŝajnis al mi, ke ĝi jam enhavas pavidon. Sed kiam mi aŭdis kutiman gaston diri: Tie interne io bona devas esti, — mi senŝeligis mian ovon kaj jen: tie interne mi trovis grasegan skolopon ĉirkaŭitan de piprita ovoflavo.

Subite la muzikistoj donis ian signalon, kaj la manĝaĵoj estis rapide elportataj de kantanta ĥoro. En la premado iu sklavo perdis pladon kaj ĝin reprenis. Sed tion rimarkis Trimalĥiono. Tuj li ordonis, ke oni vangofrapu lin, kaj ke li ree faligu la pladon. Kaj post momento venis sklavo kaj forbalais ĝin kune kun la alia forĵetaĵo.

Nun oni enportis vinujojn, kaj Trimalĥiono kunbatis siajn manojn kaj diris:

— Vino estas vivo. Kaj puran *opimianan* mi regalas. Hieraŭ mi ne regalis tiel bonan, kvankam mi tiam havis pli noblajn gastojn.

Dum ni nun trinkadis kaj ĝuadis, sklavo aperis portanta arĝentan skeleton tiel konstruitan, ke ĝiaj artikoj estis moveblaj ĉiudirekten. Tiun Trimalĥiono ripete ĵetis laŭlonge de la tablo, je kio la movebla skeleto ekhavis la plej groteskajn pozojn, kaj li deklamis:

Ho, mizeruloj ni, nenio la homo estas,
tiaj ni ĉiuj estos, kiam venos la Morto.
Tial ni vivu, kiam tion permesas la sorto.

Kiam la aplaŭdo finiĝis, oni enportis manĝaĵon, kiu ne respondis al niaj esperoj. Ĝi estis ronda pleto, sur kiu vidiĝis la dekdu signoj de la zodiako, kaj sub ĉiun signon la kuiristo estis metinta la al ĝi konvenan manĝaĵon. En la mezo kuŝis ĵus eltranĉita herbhava terpeco portanta miel-ĉelaron. Subite kvar sklavoj endancegis dum muzikado kaj forigis la supran parton de la pleto. Sube ni nun vidis grasigitajn birdojn, porkan mamon kaj leporon kun flugiloj, por ke ĝi similu al Pegaso. En ĉiu angulo de la pleto staris Faŭno, portanta saketon, el kiu fluadis saŭco sur fiŝojn, kiuj ĉirkaŭnaĝadis kvazaŭ en lageto. Ĉiuj ekaplaŭdis, kaj ridante ni ekokupis nin pri la frandaĵoj.

Subite eksonis ekstere granda bruo, kaj spartaj ĉashundoj aperis, kiuj komencis ĉirkaŭkuri la tablon. Post tio aperis sur pladego granda sovaĝa porko kun ĉapelo sur la kapo, tia, kian portas liberigitaj sklavoj, kaj je la du dentegoj pendis du korboj plektitaj el daktilbranĉoj, kaj plenaj je daktiloj. Malgrandaj porkidoj el pasto kuŝis laŭlonge de la porko, kvazaŭ ili suĉadus je la mamoj, kompreneble por klarigi la sekson. Tiuj estis disdonataj al la gastoj. Por distranĉi la porkon venis barbega grandegulo en ĉasista vesto kaj kun elingigita tranĉilego. Per tiu li distranĉis la ventron de la porko, kaj tuj el la truo elflugis amaso da turdoj. Birdokaptistoj staris pretaj kun glukaptiloj, kaj dum momento ili kaptis la ĉirkaŭflugantajn turdojn. Tiujn disdoniginte Trimalhiono diris:

— Ekzamenu, kiajn glanojn manĝis tiu ĉi arbara porko.

Tuj la sklavoj kuris al la korboj pendantaj je la dentegoj kaj disdonis la daktilojn al la gastoj.

Dume mi multe pripensadis, kial la porko aperis kun ĉapelo. Post kiam mi do vane mobilizis mian tutan inteligenton, mi kolektis mian kuraĝon kaj demandis mian najbaron pri tio, kio min turmentis.

— Tion eĉ via sklavo povus klarigi, li respondis. La afero estas ja evidenta. Tiun ĉi porkon ĉe la hieraŭa festeno la gastoj lasis libera, kaj pro tio ĝi hodiaŭ aperas kiel liberigito.

Mi sekrete malbenis min pro mia stulteco kaj nenion plu demandis, por ke oni ne kredu, ke mi neniam manĝis inter kleruloj.

Post tiu ĉi manĝaĵo Trimalhiono leviĝis por iri al la necesejo. Tiel liberigitaj de la tiraneco, ni komencis igi la gastojn babili, kaj la aero zumadis de ridigaj rakontoj, kiam Trimalhiono revenis. Viŝinte sian frunton kaj lavinte la manojn en parfumo, li diris post momento :

— Pardonu, amikoj, sed jam de longe mia digesto estas malbona. Kaj la kuracistoj nenion povas fari. Mi esperas tamen, ke ĝi baldaŭ denove iĝos bona knabo. Kaj se iu de vi deziras prizorgi sian bonfarton, li ne hontu. Ni estas ja ĉiuj nur homoj.

Ni dankis lin pro lia afableco kaj servemo kaj subpremis nian ridemon per multa trinkado.

Ni ne sciis, ke ni ankoraŭ estas malproksime de la supro de l'manĝaĵaro, en la mezo de la deklivo, kiel oni diras. Ĉar kiam la sklavoj purigis la tablon dum muzikado, tri blankaj porkoj estis enkondukataj, ornamitaj per kolbridoj kaj tintiloj. Mi kredis, ke ili estas ĵonglistoj kaj prezentos kelke da akrobataĵoj. Sed Trimalhiono neniigis mian esperon, demandante:

— Kiun el ili vi deziras sur la tablo ?

Kaj tuj li venigis la kuiriston, kaj ne atendante nian elekton li ordonis, ke oni buĉu la plej aĝan. Post tio li komencis babili, sed li ankoraŭ ne elbuŝigis ĉion, kiam subite pladego kun grandega porko staris sur la tablo. Ni ekmiris pro la rapideco kaj ĵuris, ke eĉ koko ne povus esti tiel rapide preparita, kaj tiom pli, ĉar la porko ŝajnis esti multe pli granda ol la unue vidita. Sed Trimalhiono ĝin pli kaj pli rigardadis kaj diris:

— Kio ? Kio ? Oni ja ne elprenis la intestojn de la porko ? Ne, je Herkulo ! Rapide, venigu tuj la kuiriston !

---

# Poemoj el la Latina

— K. Kalocsay —

## Al Thaliarchus

*Horatius*

Jen, vidu, staras blanke sub alta neĝ'
*Soracte*. Klinas sin pro la peza ŝarĝ'
La arboj pene kaj pro l' akra
Frosto rigidas riveraj akvoj.

Forpelu froston : ĵetu abunde al
La fajro lignon ; pli malavare nun
Verŝadu la kvarjaran vinon,
Ho Thaliarchus, el kruĉ' Sabina.

Ceteron dioj zorgu ! Se ili jam
Pacigis ventojn blove luktantajn kun
Batala mar' — plu nek cipreso
Estas movata, nek ulm' maljuna.

Ignoru, kion portos la Morgaŭ kaj
La tagojn, kiujn donos la Sort' al vi,
Rigardu gajno ! Nek hordancojn
June malŝatu, nek dolĉajn amojn,

Dum maljunaĝo splena forestas kaj
Vi floras. Nun la Kampon vizitu kaj
La placojn, por flustradi dolĉe
Ĉirkaŭ la nokto, en hor' fiksita.

Nun ĉarmas vin la rido petola de
Knabin' kaŝinta sin en angulo, kaj
Garantiaĵ' rabita for de
Brakoj aŭ ŝajne rezistaj fingroj.

## Al Barine

*Horatius*

Barine', se vin pro la ĵurorompoj
Foje trafus pun', se nigriĝus al vi
Sola dent', se nur via sola fingro
Iĝus malbela,

Kredus mi. Sed, jen, se vi kapon vian
Ŝarĝas per perfid' : ĉiufoje vi eĉ
Plibeliĝas, por la danĝer' komuna
De l' junularo.

Eĉ utilas vin, ke vi false vokas
Cindrojn de l' patrin', la ĉielon tutan
Kun la muta ar' de la steloj kaj la
Diojn senmortajn.

Kreskas nur por vi junuletoj ĉiuj :
Nova servistar'. La malnova grumblas
Pri la peza jug' de l' estrin' malpia,
Tamen — plu restas.

Timas vin patrin', avarul' maljuna,
Pri l' fileto kaj la edzin' ĵusvirga
Pri l' junedz', ke lin via sorĉa rondo
Longe katenos.

Ridas Venus mem pri ĉi tio, ridas
Mildaj nimfoj kaj sovaĝul' Kupido,
Sur la sanga ŝton' akrigante sagojn
Ĉiam ardantajn.

## Al Chloe

*Horatius*

Fuĝas min vi, Chloe', kiel kapreolid',
Kiu serĉas en tim' tra la abrupta mont'
La patrinon kaj tremas
Eĉ pro l' trafoliara blov'.

Ĉar se tra l' foliar' de l' moviĝema branĉ'
Flirtas milda zefir' kaj se arbuston nur
Movas verda lacerto :
Tremas kore, genue ĝi.

Sed ja, kiel leon', tigro kruela, ne
Persekutas mi por rompi sovaĝe vin.
Do, forlasu la panjon,
Viron sekvu, matura jam.

Malgaje la kuiristo venis al la tablo kaj balbutis, ke li forgesis elpreni la intestojn.

— Kion? Forgesis? Ĉu vi kredas, ke porko estas kiel pipro kaj kumino, ke oni povas ĝin malatenti? Malvestu lin!

Nenia prokrasto: jen la kuiristo staris malvestita kaj malgaja inter du ekzekutistoj. Tiam ni ĉiuj komencis peti pri li dirante:

— Estas ja facile erari. Ni petas, pardonu lin!

Mi tamen ne sentis ian pardonemon, kaj ne povante min estri mi kliniĝis al mia najbaro kaj flustris en lian orelon:

— Tiu ĉi devas esti tre maltaŭga sklavo. Forgesi senintestigi porkon! Mi lin certe ne pardonus, eĉ se li malatentus fiŝon.

Sed Trimalhiono rericevis sian afablan mienon kaj diris:

— Nu, ĉar vi havas tiom malbonan memorkapablon, senintestigu ĝin antaŭ niaj okuloj!

La kuiristo sin ree vestis, ekprenis tranĉilon kaj distranĉis la ventron de la porko laŭlonge, laŭlarĝe per singarda mano. Tuj eliĝis el la larĝiĝantaj vundoj amasoj da kolbasoj ĉiuspecaj. Je tio la tuta sklavaro spontanee ekaplaŭdis kaj ekkriis: Gratulon, Gajo! — Kaj la kuiristo estis honorata per trinkaĵo kaj arĝenta krono kaj ricevis pokalon sur pleto el korinta bronzo.

Nun venis ĵonglistoj. Maldelikata atleto stariĝis kun ŝtupetaro, kiun knabo suprengrimpis, por danci laŭ muziko sur la plej supra ŝtupeto. Post tio li devis trasalti brulantajn ringegojn kaj porti kruĉegon per la dentoj. Sole Trimalhiono admiris tion kaj diris, ke tiu arto ne estas ŝata tiom, kiom ĝi indas. Ĉiuj aliaj distriloj estas nur forĵetaĵo.

Ĝuste kiam li tion diris, la knabo malsuprenfalis sur lin. La sklavoj kaj la gastoj ekkriegis, ne pro la abomeninda viro, ĉar ili volonte vidus lin kun rompita kolo, sed pro timo, ke la festeno povus ekhavi malĝojan finon. Trimalhiono ĝemegis kaj kliniĝis sur la brakon, kvazaŭ ĝi estus rompita, kaj tuj kuracistoj alkuris. Fortunata, lia edzino, alkuregis la unua kun

---

## Himno al Diana

*Catullus*

Al Diana adeptas ni,
Ĉasta knaba, knabina rond'.
Do diinon Diana ni
Kantu, ĉastaj geknaboj.

Ho, filin' de Latona kaj
De l' plejgranda Jupitro, vin
Naskis via patrino en
*Delos*, sub olearbo.

Ke vi estu estrino de
Montoj, verdaj arbaroj, de
Valoj kaŝe kuŝantaj, de
Akvoj brue fluantaj.

Helpas vi en akuŝdolor'
Ho *Lucina;* ĉe vojkruciĝ'
Ho, *Trivia,* vi regas; vin
Luman, nomas ni *Luna.*

La mezuron al jara kur'
Donas via monata voj',
Vi la domon de l kamparan'
Benas riĉe per fruktoj.

Plaĉu kiu ajn nomo vin,
Estu bona al Roma gent',
Laŭ antikva kutimo kaj
Benu ĝin per abundo.

## Je la morto de pasero

*Catullus*

Venusoj kaj Kupidoj, funebru kun lament',
Kaj ĉiu homo, kiun distingas bona sent'!
Ĉar mortis la pasero de mia amatino,
Plezuro kaj fiero de mia amatino.
Ol la okuloj propraj ŝi ja pli amis ĝin,
Ĉar dolĉa estis ĝi, kaj al sia sinjorin'
Obeis tuj ĝi, kiel filino al patrino.
Ĝi sin eĉ ne formovis de l' sinjorina sino,
Sed ĉirkaŭsaltetante tien kaj tien ĉi
Nur al la sinjorino pepetis ĉiam ĝi.
Kaj nun ĝi devis tien foriri mallum-voje,
De kie ja neniu revenis iufoje.
Malbenon al vi, *Orcus,* malluma region',
Ke ĉion belan tiel vi glutas sen pardon'!
Paseron tiel belan vi nun de mi forportis.
Pasero kompatinda, ho, granda ve, vi mortis!
Vi kaŭzis, ke l' knabino, larmante pro l' dolor',
Okulojn ruĝe-ŝvelajn nun havas pro la plor'.

## Virina vorto

*Catullus*

Diris mia virin', ke nenies edzin ŝi fariĝus
Krom mia, kvankam mem svatus Jupitro pri ŝi.
Diris ŝi: sed se virin al amanto sopira parolas,
Skribu la vortojn sur vent', aŭ sur rapida river.

## Rezigno

*Catullus*

Se plezuriĝas nin rememori je propraj bonfaroj,
Scii certege ke ni estis honestaj en dev',
Kaj ke pri sankta promes' ni ne pekis, nek federante
Diojn alvokis ni por ĵuron misuzi por tromp':
Restos multa plezur vivlonge ja al vi, Catullus,
El ĉi sendanka rilat', el via ama frenez'.
Ĉar ĉia bono, de hom' por la homoj direbla farebla,
Estis dirata de vi, estis farata de vi.
Ĉio ĉi for. La kredit' ja pereis en koro sendanka.
Kial turmentas vi do tiel kruele vin mem?
Kial kun firma anim' vi ne tiras vin el ĉi pasio,
Por ke jam ĉesu mizer', malgraŭ eĉ dia destin'?
»Malfacile: subite ĉesigi la amon tre longan.«
Malfacile ja, sed jen via dev', kiel ajn!
Jen la sola sav': ĝi estas venkakirota,
Faru, se povas vi, kaj se ne povas vi, eĉ!
Dioj, ho, se l indulg' apartenas al vi, se vi iam
Donis helpon al hom' eĉ je la rando de tomb',
Vidu min en ĉi mizer' kaj se pura mi vivis la vivon,
Ŝiru ĉi peston el mi, ŝiru ĉi damnon jam for!
Ve, tiu svena torpor' penetranta tra ĉiuj fibretoj
Kiel elpelis sin' ĉian kapablon de ĝoj'!
Ho, mi ne petas jam, ke la amon ŝi reciproku,
Nek la neeblon, ke ŝi estu pudora virin':
Fartu ŝi bone, mi jam ĉi hontindan malsanon ĉesigas.
Dioj! Ho donu al mi tion por mia fidel'!

flirtantaj haroj kaj pokalo en la mano, kriegante, ke ŝi estas la plej kompatinda kaj malfeliĉa virino. Sed la knabo iris de unu el ni al la alia, petante pardonon. Mi suspektis ian novan surprizon, ĉar mi ankoraŭ ne forgesis la malatentan kuiriston. Kaj mi estis prava, ĉar anstataŭ puni la knabon, Trimalĥiono solene deklaris, ke li estu libera, por ke neniu povu diri, ke tiel granda viro estas frapita de sklavo.

Ni ĉiuj laŭdis lian noblecon kaj priparoladis la malkonstantecon de la vivo.

— Jes, diris Trimalĥiono, tiu ĉi okazintaĵo ne devas resti sen prikanto.

Kaj tuj li havigis al si sian skribilaron, kaj post mallonga pensado li laŭtlegis la jenan :

Okazas ĉiam, kio ne estas atendata,
kaj de l'hazardo estas la vivo aranĝata.
Tial, knabo, plenigu tuj al ni la pokalojn.

— Sed nun ni denove estu ĝojaj, rigardu la homeristojn.

Tuj eniris la trupo, brue frapante sur la ŝildoj per la lancoj. Trimalĥiono sidiĝis sur kusenon, kaj dum la homeristoj deklamis greklingve, li per akresona voĉo laŭtlegis la tekston latinlingve. Subite la homeristoj ekkriegis, kaj inter la flankenkurantaj sklavoj oni enportis sur ducentfunta pladego rostitan bovidon kun kasko sur la kapo. Poste sekvis Ajakso, kaj svingante sian elingigitan glavon ĉiudirekten, kvazaŭ li estus freneza, li dishakis la bovidon, kaj trapikante la pecojn per la glavpinto li disdonis ilin al la konsternitaj gastoj.*

Sed ne longtempe ni povis admiri tiujn spritajn aranĝojn, ĉar subite la plafono komencis kraki, kaj la tuta ĉambro ektremis. Konsternite mi ekleviĝis, timante, ke ia ĵonglisto povus malsuprenveni el la plafono. Kaj la aliaj gastoj estis ne malpli konsternitaj kaj suprenrigardis, mirante, kia neatendata sendaĵo venos el la ĉielo. Sed jen la plafono disiĝas, kaj subite giganta ringego malleviĝas, ĉirkaŭ kiu pendas oraj kronoj kaj alabastraj parfumujoj.

Dum ni havigis al ni tiujn ĉi donacojn, ni ree turnis niajn okulojn sur la tablon. Jam staris tie plado kun kukoj ĉiuspecaj, kaj meze Priapo el pasto, kiel ordinare ĉirkaŭprenanta vinberojn kaj fruktojn ĉiuspecajn. Avare ni etendis la manojn por preni, sed subite nova surprizo nin ridigis. Ĉar eĉ tre malforte tuŝite, la kukoj kaj fruktoj komencis ŝprucigi safranon.

Post momento Trimalĥiono ordonis, ke oni alportu la deserton.

Dume sklavo, kiu disdonadis varman akvon, komencis imiti la najtingalon, kaj alia sklavo, kiu sidis ĉe la piedoj de sia mastro, tuj komencis deklami Vergilion, tiel ke tiu ĉi je la unua fojo ŝajnis al mi naŭza. Post tio li elprenis argilan fajfilon, kaj dum pli ol duonhoro li imitis flutiston, dum lia mastro kantis malsuprentirante la lipon per la fingroj.

Tiuj teruraĵoj neniam finiĝus, se oni ne enportus la deserton, turdojn el pasto, plenajn je sekvinberoj kaj nuksoj. Poste sekvis pomoj, garnitaj per dornoj por simili erinacojn. Kaj tio estus tolerebla, se ne aperus treege pli terura manĝaĵo, kiun ni ne povus gustumi, eĉ se ni estus mortantaj pro malsato. Ĉar kiam ni kredis, ke tio, kion oni alportis, estas grasigita ansero, ĉirkaŭita de fiŝoj kaj birdoj ĉiuspecaj, Trimalĥiono diris :

— Kion vi vidas tie ĉi sur la tablo, karaj amikoj, estas farita el unu sama korpo.

Mi, kiu estas tre saĝa viro, tuj komprenis, kio ĝi estas, kaj flustris al Agamemnono :

— Estus mirinde, se ĉio ĉi tio ne estus farita el sterko aŭ almenaŭ el ŝlimo.

Sed Trimalĥiono min interrompis dirante :

— Tiel vere, kiel mi deziras kreski laŭ riĉeco, ne korpe, mia kuiristo faris tion el unu sama porko. Li estas multvalora. Se oni tion deziras, li faras fiŝon el fetosako, kolombon el lardo, turton el ŝinko.

Subite envenis du sklavoj, kiuj laŭŝajne estis komencintaj kverelon ĉe la akvejo. Almenaŭ ili ankoraŭ portis siajn akvopotojn sur la nuko. Kiam Trimalĥiono prijuĝis ilian disputon, neniu el ili estis kontenta je lia decido, sed per siaj bastonoj ili frakasis la potojn unu al la alia. Konsternite pro la impertinenteco de la verŝajne ebriaj viroj, ni ĉiuj turnis la rigardojn al la interbatalantoj. Tiam ni ekvidis ostrojn kaj mitulojn elfalantajn el la potoj, kaj ilin sklavo kolektis sur pladon kaj disdonis al la gastoj.

Nun Fortunata ekdeziris danci, kaj Trimalĥiono kriis al la sklavoj :

— Mi permesas vin, Kariono, kaj vin, Filargiro, kuŝiĝi inter nin ĉetable.

Tuj la sklavoj sin puŝis inter nin tiel, ke ni preskaŭ estis forĵetitaj de sur niaj kanapoj.

— Karaj amikoj, diris Trimalĥiono, la sklavoj estas ankaŭ homoj kaj suĉis virinan lakton same kiel ni, kvankam ili ekhavis malfeliĉan sorton. Per malmultaj vortoj : mi liberigas ilin ĉiujn en mia testamento. Tion ĉi mi sciigas, por ke miaj sklavoj min amu jam nun, kvazaŭ mi estus mortinta.

Ĉiuj dankis la mastron pro lia korboneco, kaj



Goya: Proverbios *Colossus*

* Freneziĝinte ĉe Trojo, Ajakso kuregis en brutaron kaj mortigis la bestojn, kredante, ke ili estas malamikoj.

por montri, ke tio ne estas ia ŝerco, li enportigis la testamenton kaj laŭtlegis ĝin de la komenco ĝis la fino, dum la sklavoj funebre ĝemis. Post tio li diris al gasto :

— Nu, kara amiko ? Vi ja faros mian tomban monumenton tia, kia mi ordonis ?

Kiam li tion diris, li komencis plori. Ankaŭ Fortunata ekploris kaj fine la tuta sklavaro ekĝemegis, kvazaŭ ili ĉeestus ĉe funebra festeno. Eĉ mi devis plori. Sed nun Trimalhiono diris :

— Ĉar ni ja scias, ke ni mortos, kial ne ĝui la vivon ? Ni estu gajaj kaj ĵetu nin en la banon ! Vi tion certe ne pentos. Ĝi estas varmega kiel forno.

Mi turnis min al Askilto kaj demandis :

— Kion vi opinias ? Mi certe tuj mortus, eĉ nur vidante la banon.

— Ni sekvu, li respondis, kaj dum la aliaj iras en la banon, ni elŝteliru !

Mi tion konsentis, kaj tra la galerio ni venis al la pordo. Tie tamen ricevis nin la gardhundo kun tia furiozo, ke Askilto subite kuŝis en baseno por fiŝoj. Kaj mi, kiu ne estis multe pli sobra, ankaŭ estis tirata en la saman abismon, kiam mi provis lin helpi. La ĉambristo tamen nin savis, trankviligante la hundon kaj nin elakvigante. Tremante pro malvarmo ni nun petis la ĉambriston elkonduki nin, sed li respondis :

— Vi eraras, se vi kredas, ke vi povas eliri tra la sama pordo, tra kiu vi eniris. Ankoraŭ neniu gasto eliris tra la enirejo. Tra unu pordo oni eniras, tra alia oni eliras.

Kion ni faru, ni mizeruloj, enŝlositaj en tiu ĉi novspeca labirinto. Vole nevole ni devis bani. Tial ni humile petis lin konduki nin al la banejo. Tie ni malvestis nin kaj eniris. Meze de la ĉambreto staris Trimalhiono, kaj eĉ nun estis neeble eviti lian abomenindan fanfaronadon. Poste li, verŝajne laca, sidiĝis, sed stimulita de la eho en la ĉambro li tuj malfermegis sian buŝon kaj komencis kripligi la kantojn de Menekrato. La aliaj gastoj sin tenis reciproke je la manoj kaj dancis karusele ĉirkaŭ la bankuvo, laŭforte kriegante. Dum ili amuziĝis, ni eniris en la banon.

Nun kiam nia ebrieco forbloviĝis, ni estis enkondukataj en alian manĝoĉambron, kie Fortunata ekspoziciis siajn multekostaĵojn.

— Nun ni estu gajaj, diris Trimalhiono, kaj amuziĝu ĝis la tagiĝo !

Guste kiam li tion diris, koko ekkriis. Trimalhiono ektimis.

— Certe ne senkaŭze ekkriis tiu gardanto, li diris. Aŭ okazos fajrego, aŭ mortos iu en la najbarajo. Ĉio malbona forestu ! Kiu portos tiun profeton tien ĉi, ricevos donacon !

Li apenaŭ finparolis, kiam la koko estis enportata. Trimalhiono ordonis, ke oni ĝin tuj kuiru en kupra kaldrono. La lerta kuiristo, kiu el porko faris birdojn kaj fiŝojn, ĝin tuj pretigis. Post kiam ni ĝuis la frandaĵon, Trimalhiono diris :

— Nu, karaj amikoj, estu ĝojaj ! Iam ankaŭ mi ne estis pli ol vi nun. Nur per mia propra kapableco mi estas, kio mi nun estas. La kapenhavo faras ĉion, ĉio alia estas nur forĵetaĵo. Mi aĉetas bonpreze kaj vendas bonpreze. Mi preskaŭ rompiĝas pro feliĉo. Fidu al mi : kiom oni havas da mono, tiom oni valoras. Tiel mi, kiu estis vermo, nun estas potenculo. Stiho, al-

# *Junulīna ploro*

Fragmento

## Kanto Unua: En Uzīno

*Rapide turniĝis pulioj.*
*Tirate kantetis rimenoj.*
*La ŝaftoj de la transmisioj*
*Rapidis en cirklaj promenoj.*
*La suno ridetis afable*
*Tra alta kradita fenestro,*
*Gajigis animon agrable*
*De sonoj laboraj orkestro.*
*Kolere grincadis ferbloko*
*Cedante al dentoj segilaj,*
*Kaj poste ĉizilo kun moko*
*Saltigis spiralojn angilajn.*
*Boriloj profunden penetris*
*Lavate per akvo kun sapo.*
*Sur korna ambos' heksametris*
*Martelo skandante per frapo.*
*Staradis ĉe ŝraŭbotenilo j*
*Cent homoj vestitaj en bluzoj,*
*Sur stabloj pretiĝis la iloj*
*Vokotaj al gajaj amuzoj.*
*Kaj en manipul' senhezita*
*Kelkdekoj da brakoj ekfajlis,*
*Kaj iu al stablo rompita*
*Tabulon fraksenan alnajlis.*
*Kaj grincis metalo-martiro*
*Plorante pro akra turmento*
*Kaj plendon pri homa vampiro*
*Ĝi blekis en grinca lamento,*
*Ĝi — tiu ĉi multsuferinto*
*En formo de kupro kaj ŝtalo,*
*En formo de fero kaj zinko,*
*Estaĵ' kompatinda — metalo.*

*Ĉe altaj fenestroj : torniloj,*
*Titanoj de homa tekniko,*
*Brilantaj radetoj, turniloj,*
*Sagaca invento-kompliko.*
*Ĉe unu : junul' dudekjara,*
*Tornisto tre juna, sed lerta,*
*En tiu kaos' dentradara*
*Pilotas per man' sia sperta.*
*Turniĝas la bloko metala,*
*Ĝin mordas la tornotranĉilo.*
*Volviĝas rubando spirala —*
*Metalo formortas en brilo.*
*Dum jaro ne estis laboro,*
*Sed restis en li kvalifiko.*
*Nun li de la torno kaj boro*
*Reiĝis fidela amiko.*
*Dum jaro maljuna patrino*
*Suferis pro akra mizero.*
*Nun venis laboro, kaj fino*
*Al longa malsat' kaj sufero.*

V. Sutkovoj.

portu ankaŭ la ŝmiraĵon kaj iom el tiu vino, per kiu oni lavos miajn ostojn.

Stiĥo tuj revenis kun blanka kovrotuko kaj purpurornamita togo, kaj li igis nin ĉiujn palpi, ĉu ĝi ne estas el la plej bona lano. Per la ŝmiraĵo li ŝmiris niajn piedojn kaj diris :

— Nun imagu, ke vi ĉeestas ĉe mia funebra festo !

La afero nun atingis la maksimumon de naŭzeco. En sia ebrieco li venigis trumpetistojn kaj sin etendis, granda kia li estis, sur la kusenoj, dirante :

— Imagu nun, ke mi estas mortinta, kaj ludu ion belan !

La trumpetistoj ekludis funebran marŝarion. Precipe unu el la muzikantoj blovis sian kornon kun tia fortego, ke li vekis la tutan najbararon. La noktogardistoj, kiuj patroladis en tiu ĉi parto de la urbo, kredis, ke fajrego ekflamis en la domo de Trimalĥiono, kaj elbatinte la pordon ili tumulte enkuregis kun hakiloj kaj akvositeloj.

Tiun ĉi favoran okazon ni ekkaptis kaj forkuregis, kvazaŭ efektive fajrego estus kaptinta la domon.

El la latina : *Einar Knutsson.*

---

# DONNA SOL

## — FERENC HERCZEG —

Donna Sol !

Tiel facile mi skribas ĉi tiun nomon, kvankam, se mi pensas pri tiu majesta, mistera kaj timiga koncepto, kiun ĝi kovras, min kaptas malĝojo. Ĝi efikas je mi, kiel la mistera koncepto de la Morto, Vivo kaj Eterneco.

Neniam mi vidis Donna Sol per la propraj okuloj kaj mi dankas Dion ke mi ne vidis. Nur ŝia spegulbildo ekbrilis por momento antaŭ mi kaj eĉ tio preskaŭ blindigis min.

Ĉar mi memoras kompatindan, kompatindan spegulon, kiu senrimarke pendis en la angulo de l' fumsalono de iu klubo. La fato volis, ke la brila figuro de Donna Sol foje paŝu antaŭ la spegulon kaj tiam ankaŭ la spegulo mem ekbrilegis, blindige, kvazaŭ kometo. Poste ĝi perdis sian brilon por eterne kaj mi revidis ĝiajn blindiĝintajn rubojn — en la frenezulejo.

Okazis antaŭ nelonge, ke mi ricevis leteron :

> Kara amiko !
>
> Mi ne scias, ĉu mi ne estas malmodesta, se mi opinias, ke dum nia supraĵa konateco vi montris al mi iom da simpatio. Se mi ne eraras en mia supozo, bonvolu min viziti morgaŭ je la 3—4 horoj en mia nuna rezidejo. Eble miaj feliĉo kaj vivo dependas de la plenumo de mia peto. Mi loĝas en la Kuraca Instituto Forgách.
>
> *Litvay*

Konsterniĝinte mi demetis la leteron... La Forgach-instituto por nervmalsanuloj — estas pli bonspeca frenezulejo. Mi tute ne konjektis ĝis nun, ke la kompatinda Litvay estas tie kaj ne sciis imagi, kiel li venis tien. Ni ja estis bonaj konatoj kaj iam mi nomis lin amiko, tamen mi apenaŭ sciis pri li pli, ol ke li estas bona knabo kaj ke li ŝatas fumi bonajn cigarojn. Por mia memoro restis lia plej karakteriza trajto, ke li estis elektita, kompetenta, mi povus diri, denaska fumanto.

Ĉar ne ĉiu fumanto estas tia. La plej multaj homoj fumas sen intelekto kaj sento, ĉe la plej multaj la fumado estas nur la daŭrigo de la junaĝa malobeemo. Ekzistas senpaciencaj kaj malbontaktaj homoj, kiuj dente mordas la finon de l'cigaro, fendas per la fingroj la tabakfolion kaj la cindron frapas al la angulo de l' tablo. Eĉ ekzistas homoj, kiuj ĉirkaŭgluas per cigaredpapero la cigaron... Kaj koleriĝas la barbaroj, se la turmentita cigaro brulas unuflankeme kaj mordas ilian langon !

Mia amiko Litvay estis elektita fumanto, inter kies dentoj bone brulis eĉ la plej malbona cigaro, same kiel en la mano de Paganini eĉ la plej aĉa violono bele sonis. Li portis sistemon en la fumadon kaj nobligis je ĝuo la malbonan kutimon. Cetere li estis milda, silentema knabo kun inteligenta vizaĝo kaj tra duonnoktoj li sidadis sur la lula seĝo de l'fumejo en la klubo, senĉese blovante el la dika Havanna bluan nubon al la plafono.

Antaŭ ne longe estis surprize al mi, ke la lulseĝo de Litvay staras malplene en la fumejo. Mi demandis pri tio la ĉambriston.

— Sinjora moŝto Litvay jam de longa tempo ne venadas ĉi tien. Eble de duonjaro. Mi kredas, ke li malsanadas...

Mi kompatis la povran knabon, poste mi forgesis pri li. Nun ree memorigis lin al mi lia letero.

La sekvan tagon mi eliris en la Forgàch-instituton. Ne volonte mi iradas en tiaj lokoj, ĉar ĉiam malagrable venas en mian kapon la malicema devizo de la volontula sav-asocio : Nin ĉiujn povas trafi akcidento.

La instituto estas domo konstruita en bongusta villostilo, meze de densbranĉa ĝardeno. La ĉefkuracisto min afable akceptis kaj gvidis en la ĝardenan pavilonon.

— Tie vi trovos la malsanulon. Neniom vi devas timi, sendanĝera malsanulo...

Vere, tie mi trovis Litvay'n.

Li surhavis tolveston kaj sur la kapo pajloĉapelon. Ridetante li venis al mi kaj donis la manon. Sur lia vizaĝo montriĝis nenia signo de sango, nur liaj grizaj okuloj havis ian malĝojan, nebulan esprimon, kvazaŭ delikata cigarfumo tordiĝus antaŭ liaj pupiloj.

— Mi atendis vin, — li diris.— Mi dankas, ke vi venis.

Ni sidiĝis kaj mi instinkte prenis mian cigarujon.

— Ĉu vi fumas ? — mi demandis.

— Mi dankas, ne ! Kaj se vi povas vin reteni, mi petas vin, ankaŭ vi ne ekfumu, ĉar mi ne povas toleri la tabakfumon ...

Post iom da pensado li rakontis, kial li vokis min.

— Mi estos iom longema, sed se mi parolus pli mallonge, mi devus timi ke vi ne komprenos min.

— Ĉu vi jam aŭdis pri la firmo Detmol en Kubo ? Certe ne, ĉar Detmol, kiu estas la reĝo de l' cigar-fabrikistoj, liveras nur por kelkaj anglaj kluboj kaj al kelkaj kortegoj... Antaŭ ne longe okazis, ke sur la Kuba plantejo de Detmol kreskis tiel belega tabako, al kiu kompareblan ne memoras la kompetent-

uloj. Al la aparta konstelacio de l'vetero estis dankebla tiu ĉi kresko kaj povas esti, ke tiuj ĉi konstelacioj neniam plu estiĝos tiamaniere ĝis la fino de l'mondo. La maljuna Detmol tiam elektis el la rikolto dekduon da tabakfolioj kaj propramane pretigis du cigarojn kun tiu neimitebla arto, kiun neniam povos iu ellerni de li.

Detmol poste konfesis, ke li, kreante ĉi tiujn du cigarojn, superis sin mem. La unu li baptis Donna Sol, la alian Donna Luna.

La valoro de tiuj ĉi cigaroj en mono eĉ ne estas esprimebla. Laikulo eĉ ideon ne povas havi pri ili. Iomete vi tamen komprenos min eble, se mi diras, ke, kio estis Shakespeare inter la verkistoj, Aleksandro la Granda inter la konkerintoj, Paganini inter la violonvirtuozoj, la Monto Blanka inter la montoj, Parizo inter la urboj, la suno kaj la luno inter la astroj, tio estis Sol kaj Luna inter la cigaroj.

Antaŭjare mi aŭdis unue pri la cigaroj, kiam la tutan gazetaron trakuris la famo, ke de Detmol, kiu pasigis la vintron en Nizza, oni ŝtelis la du reĝinojn de cigaroj. La maljunulo fiksis grandan premion por la kaptonto de la ŝtelinto, sed senrezulte.

Ĉisomere okazis, ke mi faris ian komplezon al angla trejnisto, veninta al ni por vetkuroj. La trejnisto tiam portis al mi cigaron, kiel signon de sia danko.

— Mi scias, ke vi amas la bonan cigaron kaj se mi ne ofendas vin per tio, mi proponas al vi unu... Mi kredas, ĝi devas esti io tre aparta... Mi ricevis ĝin de ĵokeo, mi ne scias, de kie li ĝin akiris...

La cigaro estis fermita en sigelita, dika vitrotubo, sur la meze bantita silkrubando mi legis la vorton: Luna.

Ekŝanceliĝis miaj genuoj, stariĝis miaj haroj. Luna, la Shakespeare de la cigaroj, la Monto Blanka de la cigaroj, la brila astro de la cigaroj, estis en miaj manoj.

Mi ekfumis Luna'n.

Antaŭe mi tenis unusemajnan dieton, poste en aparta ĉambro de la kazino mi vespermanĝis sola, eltrinkis tason da nigra kafo kaj ekbruligis Luna'n. Eble dek fumsuĉojn mi faris. Mi ne povas deskribi, kion mi sentis. Ian grandan animan trankviliĝon mi sentis, pariĝintan kun korpa bonfarto. Feliĉa mi estis, fiera kaj kvieta; mi nobliĝis, mi puriĝis. Mi estus volinta, ke la mondo nun haltu kaj ĉio restu tiel, kiel estas. Ke ne estu vintro, nek somero, nek nokto, nek tago kaj mi povu sidi ĉiam sola en la aparta ĉambro kaj fumi Luna'n tra la eterno de l'tempoj...

— Mi diras: eble dek fumsuĉojn mi faris. Tiam terura krakado min alarmis el miaj revoj... La servisto faligis en mian sinon amason da teleroj... Mi saltleviĝis kaj Luna falis el mia mano... Terurite mi volis ĝin kapti, sed jam malfrue: la servisto tretis ĝin per la kalkanumo de sia ŝuo... Tie ŝi baraktis sub la kalkanumo, dolore krepitanta, distretita, disflamiĝinta, mortigita, malhonorita...

Litvay eksilentis kaj kaŝis la vizagon en ambaŭ manojn. Poste li iom reprenis siajn fortojn kaj daŭrigis kun malĝoja, sed trankvila voĉo:

— Se mi estus povinta elfumi Luna'n, mi nun havus nenian mison. Mia spirita mondo estus riĉiĝinta per perfekta memoro kaj la skalo de mia ĝukapablo estus gigante pliiĝinta. Mi estus nun pli bona, pli saĝa

# SONETO AL MIA PIPO: „LE VRAI JACOB"



Pli ol 55-jara estas nun mia kara pipo. Studento, mi ĝin aĉetis en Baselo, en la jaro 1875—6. Min ĝi akompanis dum ĉiuj miaj vojaĝoj kaj restadoj, en Berlino, Romo, Parizo, Uppsalo ktp. Kun mi ĝi surgrimpis Vesuvon, kaj Alpajn mont-suprojn. Ĝi partoprenis ĉiujn miajn ĝojojn kaj zorgojn, estis mia fidela konfidenciulo kaj ofte saĝakonsilanto.

Al ĝi mi dediĉis la ĉi suban soneton, kiun indulgeme ĝi aprobis — saman indulgemon mi atendas de la legantoj.

El tero komuna »Jakobo la Vera«
Mi estas. — Fidela ja Mahometan'.
La frunton malaltan ornamas turban';
La straba okulo ne ŝajnas severa.

La nazo malpinta aspektas vulgara,
Lipharojn mi havas de markapitan'
Sup lipo maldika. — Ĵaluza, sultan'
Fariĝus je mia plenbarbo denshara!

Junaĝa, mi estis vizaĝe blankulo,
Simila je pastro de Brita insulo;
Nun bruna mi estas jam pli ol Berber'.

En mia interno bruladas vulkano,
Mi vivas samkiel Karolo, Johano,
Ĉu ĉiu ne estas farita el ter'.

**Th. Cart**

---

kaj pli feliĉa homo. Sed tiel en mi vivas nur la memoro de terura disakordo, kiu tenas miajn nervojn senĉese en terura tremado. Kvazaŭ oni ĵetus min vintre el la varma lito en akvon kaj kvazaŭ krome per pinto de mil tranĉiloj grince oni skrapus mil porcelantelerojn... Tiu ĉi timiga ĥaoso en miaj nervoj mortigos min, se vi ne helpos...

— Kaj kiel mi povus helpi? — mi demandis mire.

— Se vi akiros por mi Sol, ĉar, eble, kiu ĝin ŝtelis, ankoraŭ ĝin ne elfumis. Serĉu, esploru, anoncu ĝin en la gazetoj... Sole Sol povus al mi forgesigi Luna'n. Ŝi estas ankoraŭ pli glora, pli majesta, pli sublima, ol ŝia ĝemelfratino... Ŝi, sole ŝi, povas al mi redoni la pacon kaj la feliĉon...

— Eble vi povus fari provon per alispecaj cigaroj? — mi diris, volante preni el mia poŝo la hungarajn reĝajn produktojn.

— Ne! — kriis furioze la malsanulo — mi naŭziĝas, mi abomenas ĉiun cigaron, sole Sol mi volas!

La ĉefkuracisto paŝis al ni kaj ĵetis al mi multediran rigardon: mi rapide adiaŭis la malsanulon. Antaŭe mi promesis al li, ke mi serĉos la reĝinon de l'cigaroj kaj se mi trovos, mi portos ĝin al li.

Ce la pordego de l'ĝardeno mi returnis min ankoraŭ unufoje. La malsanulo etendis ambaŭ brakojn al la sunhela ĉielo.

— Mi volas Sol! Portu al mi Sol!

Malĝoje mi venis en la straton kaj mi decidis, ke mi ne zorgos pri Sol. Por kio ja? Se mi ĝin akirus

por Litvay, kio eĉ ne estas verŝajna, li ja forfumus ĝin dum dek minutoj. Ĉu tio estas feliĉo? Kvankam se ni bone konsideras, kion aliaj homoj nomas feliĉo, tio kelkfoje ne brulas eĉ tiom da tempo, kiom bonspeca cigaro...

El la hungara: *Karlo Bodó.*

Ferenc Herczeg (naskiĝis en 1863.), hungara roman- kaj dramverkisto. En siaj romanoj li okupiĝas pri la sociaj problemoj de la provinca kaj urba vivo, por siaj historiaj romanoj prefere li elektas tempojn, kies generacio vivas en granda animstreĉo la krizon de epokaj ŝanĝoj. En tian tempon nin gvidas ankaŭ lia plej valora tragedio: Bizanco. El liaj komedioj eble pleje famiĝis la Knabinoj Gyurkovics, temanta pri la edz-akira heroeco de sepfilina familio. Li estas eminenta observanto, li vidas tre akre kaj ĝuste tial ofte satire, eĉ amare. En liaj pli grandaj verkoj oni ofte sentas la mankon de vera varmo, sed kelkaj liaj verkoj kaj precipe pli mallongaj noveloj staras sur plej alta, mondliteratura nivelo.

# SERVMARISTO JEGOROV

— K. M. STANJUKOVIĈ —

Dum la antaŭfestaj tagoj, en la granda, bele arangita loĝejo de vicadmiralo Leŝĉov, okazis same fervora purigado, kiel en ĉiuj loĝejoj de la ĉefurbo.

El la servistaro de la admiralo precipe fervoris pri la ordigado de la kabineto de l' admiralo, sufiĉe aĝa, malgrandkreska, forta homo, vestita per mallonga, iom eluzita nigra jaketo, malnovaj ŝuoj el veltolo, kiajn portas ŝipanoj dum vojaĝo, kun larĝa, malbela, iom severa vizaĝo, sur kies ruĝa fono videblis ruĝeta, malgranda, bulbsimila nazo, kaj el sub densaj nigraj brovoj brilis paro de malhelaj, akravidaj okuloj, saĝaj kaj neordinare bonanimaj. Iom kurbaj kruroj kaj fortaj muskolaj manoj kompletigis la malbelecon de ĉi tiu, ŝajne mallerta, kurbdorsa figuro.

Tiu ĉi servisto, tiom malbela por tiom luksa loĝejo, incitanta por ironiaj ridetoj la junan dandan lakeon, ĉambristinon kaj kuiristinon, estis Mihajlo Jegorov, eksmaristo, servinta ĉe Leŝĉov senintermpe dekkvin jarojn. Komence Jegorov estis lia servmaristo, kaj, post sia eksiĝo, li restis ĉe li kiel ĉambristo kaj konfidulo, kies pruvitan honestecon oni ĉiam povis fidi. Jegorov multe vojaĝis kun sia patrono, kies tuta havaĵo estis en liaj manoj. Dum tiu longa tempo ili tiel alkutimiĝis unu al la alia, Jegorov estis tiel certa homo, zorginta pri sia komandanto kaj pri liaj interesoj kun ia vere hunda sindono, ke malgraŭ la mankoj, kiujn ili ambaŭ havis kaj reciproke spertis, ili ne povis disiĝi, kvankam ambaŭ minacadis, dum koleregaj minutoj, tion fari.

Eĉ tiam ili ne disiĝis, kiam la admiralo, laŭ la vortoj de Jegorov »en maljuna aĝo duonfreneziĝis« kaj, malgraŭ ĉiuj plej sarkasmaj avertoj de sia servmaristo, kiujn li aŭskultis kun konfuzita mieno, li edziĝis antaŭ du jaroj je bela, juna kaj tre vigla blondulino, kiun Jegerov tuj ekmalamis kaj nomis, pro ia kaŭzo, »blanka pigo.«

Ankaŭ tiam li petis la admiralon, lin eksigi.

— Vivis ni ambaŭ, Leksandra Ivaniĉ, dank' al Dio, solaj, sed plu resti tute ne eble al mi! — diris Jegorov per sia mola baseto, ne senbedaŭre rigardante la brunan, barbokovritan, malbelan kaj ĝojan vizaĝon de sia »duonfreneziĝinta« admiralo.

— Sed kial do tio?

— Vi mem, ŝajnas ja, povas tion kompreni... Nun ĉe vi komenciĝos novaj ordoj, kun la admiralino.. La admiralino postulos, ke vi prenu veran ĉambriston, kaj ne tenu tian, kia mi. Kompreneble, oni devas obei junan edzinon! — ne sen ironio en la voĉo aldonis Jegerov.

— Besto, ekmordu vian langon!

— Ekmordi, aŭ ne ekmordi, mi vere diras...

La admiralo, iom embarasita, insultis Jegorovon en marista dialekto kaj ordonis lin resti.

— Ĉe mi restos ĉio, kiel antaŭe... Ĉu vi aŭdas?

— Aŭdas, via moŝto...

— Sed gardu vin! Ne malĝentilu al la sinjorino!

— Kiel mi malĝentilus?... Min ja ne koncernas la sinjorino, ĉe ŝi estos ŝiaj servistoj... kaj mi ĉe vi...

Ĉiel komplezante sian junan edzinon, al kiu li estis enamiĝinta ĝis super la oreloj, la admiralo tamen absolute defendis sian maljunan servmariston, kies tute ne eleganta eksteraĵo kaj laŭta, malĝentila voĉo ĝenis la elegantan admiraledzinon. La admiralo promesis, ke Jegorov ne montros sin en la salono, nek en la manĝoĉambro, por tio oni povas dungi konvenan lakeon, — kaj Jegorov servos ekskluzive al li, kaj iros kune kun li al marveturoj. Li ja estas tiel enamiĝinta al Jegerov. La admiraledzino konsentis tiun kompromison kaj la gaja admiralo kun la antaŭa toleremo aŭskultis plu la grumblajn riproĉojn, kiujn Jegorov permesis al si, precipe dum marveturo, kiam la »blanka pigo« loĝis en la somerloĝejo kaj precipe post vizito sur la tero, de kie li preskaŭ ĉiam



Internacia kolonia ekspozicio Parizo.
El sekcio de belgaj kolonioj: *La ĉefpavilono*

revenis »kun muŝmurmuro en la kapo«.

Tiuj riproĉoj dum la lasta tempo rilatis plejparte la edziĝon de la admiralo. La juna edzino, elspezanta multe da mono kaj devigante la admiralon forte limigi siajn elspezojn dum marveturoj, ekscitis en Jegorov koleron. Krome ankaŭ la konduto de la admiraledzino ne plaĉis al li, kaj ne tute sen motivo li suspektis, ke la »blanka pigo« trompas la admiralon misuzante lian trofidemon kaj »miksiĝas« kun junaj oficiroj.

Kaj, reveninte de la tero, Jegorov ne malofte aperis en la kajuto de la admiralo kaj sin apoginte al la pordo, parolis per malcerta lango :

— Kaj eĉ admiralo.. admiralo kaj ne povas subteni rangon... Antaŭe... subtenis... oficirojn, kiel decas... alvokis tagmanĝi... regalis... Ĉiun tagon, kiel decas, tri aŭ kvar oficiroj, laŭvice, manĝis ĉe ni, sed nun — finite!... Solaj ni manĝas... kaj monon ni ne havas ... Malaperis mono. .. Mono forflugis sur la tero ... Sed pro kio? ... Permesu demandon, Leksandra Ivaniĉ... Kio estas via opinio pri tio, via moŝto ?

— Jegorov! Vi estas ebria, kanajlo!... Iru dormi ...

— Mi jam iras...

Sed anstataŭ foriri, Jegorov restis en la kajuto kaj daŭrigis :

— Kaj tamen, Leksandra Ivaniĉ, mi diras al vi la tutan veron ... Treege mi bedaŭras vin, karulo... Jen surtuteto, malnova... kaj ŝuoj kun flikoj, kaj provizon ni neniam havas... Sed kiu do estas kulpa? Mem, Leksandra Ivaniĉ, mem vi estas kulpa... Ne obeis al Jegorov... Certe, Jegorov estas simpla ŝipano, sed li havas sanan kapon, li havas grandan koncepton! Kune ni vivis, fraŭloj, ĉu estis malbone?... Dank' al la Sinjoro! Monon ĉiam ni havis, kaj la provizo ĉiam sufiĉis, kaj sian rangon oni subtenis... »Jegorov! Ĉampanvinon!« — »Estas!« — kaj mi portas, kion vi deziras... Sed nun, kian stultaĵon vi faris...

— Jegorov! Eliru! Vizaĝaĉon mi sangigos!

Sed tiu ĉi minaco ne nur ne timigis Jegorovon, sed male, kaŭzis al li preskaŭ ĝojegon.

— Kio do? sangigu! Faru vian komplezon... Plezuro por mi! Mi ja parolas pro amo... Dank' al Dio, dekkvin jarojn mi servis al vi honeste... Kaj tamen mi vidas, kvankam vi estas admiralo, menson en vi malmultan... Nu, bone, ni allasu, diablo ekludis en maljuna aĝo... Do, edziĝu, frato mia, je ia pozitiva sukera vidvino, bonkorpa kaj kun kompreno, sed...

Jegorov kutime ne finis, ĉar la furioziĝinta admiralo ĵetis sin de sur la sofo kaj kaptinte la servmariston ĉe la kolumo, ĵetis lin en lian malgrandan kajuteton, kiun li ŝlosis.

— Nepre mi forpelos la ebrian beston! — decidis tiam la admiralo koleriĝinte. Sed la kolero poste pasis, kaj tiu »ebria besto« ree aperis en la okuloj de la admiralo kiel intima, sindona homo, kaj rememoro murmuretis, kiel tiu »ebria besto« savis sinofere dum ŝiprompo sian komandanton.

Kaj la admiralo pardonis al Jegorov liajn arogantajn parolojn en ebria, kaj grumblojn en sobra stato, kiel ankaŭ Jegorov pardonis al la admiralo liajn insultojn kaj pugnajn punojn dum kolerego. Kaj ambaŭ amis unu la alian.

## II.

Jegorov — ĝenerale akurata kaj korekta homo — tenis la kabineton kaj malgrandan dormoĉambron de la admiralo en menskonfuza pureco. Ĉio, en tiuj ĉi ĉambroj, brilis kaj fajreris. Nenie rubeto, nenie polvero. Ĉiuj fenestroj estis lavitaj kaj trafrotitaj per drapetoj. La fenestrotabuloj brilis per sia blanko kaj la pordaj ansoj kaj seruroj simple brulis. La tapiŝoj estis elbatitaj. Ĉiuj vestoj de la admiralo estis elportitaj al la korto, traboltitaj, elbatitaj, purigitaj kaj akurate pendigitaj en la ŝranko. Por la okazo, se la admiralo estis veturonta al la palaco por Diservo, Jegorov metis sur la uniformon la ordenojn kaj alŝraŭbis la stelojn. Ĉu oni devas aldoni, ke la kelkaj ŝuoj de la admiralo brilis tiel, ke oni povis sin rigardi en ili, kiel en spegulo.

La ceteraj ĉambroj, la »ŝiaj,« kiel ne sen malestimo Jegorov nomis la ĉambrojn aliajn, administratajn de la admiraledzino, lin ne koncernis kaj, vidante malordon tie, li nur malestime kurbigis la lipojn kaj levis la ŝultrojn. La lakeo kaj ĉambristino, kiuj estis ordigantaj tiujn ĉi ĉambrojn, ne ĝuis lian respekton. Li trovis ilin maldiligentaj kaj fanfaronaj kaj rilatis al ili malamike, same kiel ankaŭ al la kuiristino kaj al la sinjorino. La junan, ĉarman admiraledzinon, kaŝe, li simple malamegis kaj nur miris pri la »stulteco« de la admiralo, kiu nenion vidas, kaj anstataŭ taŭzi je harligoj tiun »blankan pigon«, li komplezas al ŝi, kvazaŭ malsaĝiĝinta virkato, kaj ne disrompas la ripojn de tiu juna sinjoro »libera«, kiu, fripono, kutimas venadi ĉiun tagon kaj elektas tempon, kiam la admiralo ne estas hejme.

— Tute malsaĝa estas mia admiralo! — ofte laŭte pensis Jegorov kaj sincere kompatis sian admiralon.

Ĝenerale, la admiralino, kaj la tuta servistaro, en la okuloj de Jegorov estis bando, trompanta kaj priŝtelanta la admiralon. Ĉiuj ili estis unuj homoj, kaj li, kun la admiralo, aliaj, havantaj nenion komunan kun tiuj. Ha, se nur la admiralo forpelus



Internacia kolonia ekspozicio Parizo.
*Templo de Angkor* el Indoĉinio

ilin ĉiujn, kune kun la edzino! se ne, ili nepre portos lin en malfeliĉon.

Tamen Jegorov neniam parolis pri tio al la admiralo. Tiu ja havas okulojn mem, kaj intrigi li ne intencas.

Kaj Jegorov, sciante, ke ankaŭ la admiraledzino forte malsimpatias al li kaj tuj forpelus lin el la domo, se tion la admiralo ne malhelpus, — klopodis ne montri sin antaŭ ŝi, kaj ĉe maloftaj renkontoj sin tenis kun malgaja respekto, konanta disciplinon, ŝipano. Kaj en siaj interrilatoj kun la servistaro li alprenis severegon, evitis paroli kun ili kaj amikiĝis nur al la kuĉero. Lin solan indigis Jegorov por siaj rememoroj pri malproksimaj vojaĝoj, kaj por rakontoj pri diversaj mirindaĵoj, kia la »ŝarkofiŝo«, aŭ la nigrulaĉoj, kiuj manĝegas ĉion aĉan kaj vagadas en kio patrino ilin naskis. Kaj ĉe lia amiko, en la kaleŝejo, li estis sobriĝanta, se li revenis hejmen ebria kaj ne volis iri al sia malgranda ĉambreto, troviĝanta tro proksime al la dormoĉambro de la admiralo.

Siavice, Jegorov ĝuis inter la servistaro la reputacion de »malĝentila kaj seneduka ŝipano«, kun kiu oni ne ligiĝu, ĉar li pribojos. Dum la tagmanĝo en la kuirejo oni donacis lin per ironiaj ridetoj, kiujn Jegrov ordinare neniom atentis kaj nur en maloftaj okazoj, se la fanfarona lakeo, por plaĉi al la ĉambristino, lin tuŝis, li elpafis tute trankvile tian maristan insulton, ke la delikata ĉambristino kaj la korpulenta »kuiristino por kuiristo«, servinta, kiel ŝi certigis, nur ĉe generaloj, ekkriinte pro teruro, forkuris el la kuirejo.

## III.

Antaŭĝuante la plezuron : ricevi, pro Goja Krista Reviviĝo, de la admiralo la kutimajn kvin rublojn kaj tiaokaze »preni ĉiujn refojn«, t. e. drinki ĝis neebleco en kompanio kun baptano, metiisto el ŝipkonstruejo, — Jegorov, antaŭtagan vesperon, sidis en sia eta, pure ordigita ĉambro, kie, antaŭ la ikono, bruletis lampiono, kaj riparis kelkajn difektojn de sia festa tualeto, kiun surmetonte li intencis, kiel decas, iri al Diservo, kiam jen, eksonis frapado sur la pordo.

— Kio estas? Eniru!

— La sinjorino vin postulas! — anoncis la juna lakeo.

— Kaj kie estas via sinjorino?

— En la manĝoĉámbro, kaj ankaŭ via sinjoro estas tie! — akcentis la lakeo.

Jegorov, laŭ malnova marista kutimo, trote kuris en la manĝoĉambron.

Tie sidis la admiraledzino en matenvesto, iom senforta kaj laca pro la mastrumaj penoj, kaj apud ŝi la admiralo.

— Ĉu vi estas libera, Jegorov?

— Ĝuste tiel, via moŝto! — ekkriis Jegorov kaj jetis rigardon al la admiralo, kvazaŭ demandante : »Ĉu *li* estas libera?«

— Ha! Ne kriu tiel laŭte! Ĉu vi, Aleksandro, ne bezonas lin? Antonon mi sendis al la kudristino...

— Ne.

— Do, bonvolu, Jegorov, iru kaj alportu ŝinkon, paskpanojn kaj pasktorton kaj rapide ekspedu ĉion ĉi tien. De tie vi povas preni veturigiston...

Kaj la admiraledzino, ne sen iom da malŝato, etendis sian etan manon kaj, kvazaŭ timante tuŝi la grandan, vejnan manon de Jegorov, singarde mallevis sur lian larĝan manplaton monon kaj slipon kun adresoj.

— Mi aŭdas, via moŝto!

Kaj preminte en sia mano ĉion kion transdonis al li la admiraledzino, li eliris el la manĝoĉambro. En la koridoro lin atingis la admiralo kaj zorgeme diris :

— Gardu vin, Jegorov, ne malfruu... Nenien eniru!...

— Kien ja eniri, Leksandra Ivaniĉ, krom tien, kien estas ordonite?... Estu trankvila. Momente mi reflugos...

Kaj Jegorov efektive »momente« ekflugis el Sergievskaja al Konjuŝennaja por paskpanoj kaj pasktorto, de tie al Litejnaja por du ŝinkoj kaj farĉita porko kaj jam estis ĝuste luanta veturigiston por ekspedi hejmen la provizon, kiam lin frapis ŝultre »baptano metiisto« kaj gaje ekkriis :

— Mihail Niliĉ, ĉion bonan!

— Bonegan, baptano!

Tio kaj alio, ili ekparolis kaj ĉar surstrate paroli estis maloportune, la baptano proponis eniri drinkejon.

— Ni trinku, okaze je la antaŭtago, Niliĉ, po kvardekoneto, kaj poste ek! ĉiu al sia laboro. Vi al via admiralo, kaj mi al mia mastrinoedzino. Al Diservo ni iros... Ja, kiela festo morgaŭ!

La baptano parolis tiel konvinke, ke Jegorov, neniom supozante lla danĝeron, kiu minacis pro lia inklino al brandaj trinkaĵoj kaj pro la komisiitaj al li provizaĵoj, plezure akceptis la proponon kaj la du amikoj, akurate kunpreninte ĉiujn saketojn kaj skatolojn, eniris drinkejon por rapide malaperigi po kvardekoneto.

— Sed mi devas rapidi, — diris Jegorov, trafiltrante la brandon kun la malrapideco de vera drinkulo.

— Tion ja mi diris... Ankaŭ mi devas, baptano.

## IV.

Estis jam la dekunua vespere, sed Jegorov ankoraŭ ne revenis. La admiraledzino komence ĝemspiris, poste koleris, fine malesperis. Estas ja terure! Al ŝi promesis alveturi kelkaj intimaj konatoj por senfastiĝi, kaj... kaj ĝis nun estas nenio!

Oni ja ne bezonas klarigi, ke plejmulte suferis la admiralo.

— Jen via sindona kaj certa homo... Nenio oni povas diri : bonega! Unuan fojon mi riskis doni al li komision...

— Ne ekscitiĝu, Katejnka! ... Li ĉion alportos! — trankviligadis sian edzinon la admiralo, jam delonge ekscitita ankaŭ mem, ĉar li sciis, ke se Jegorov ne retenos sin kaj ekdrinkos, nu, tiam estas malfeliĉo.

— Kiel do ne eskcitiĝi nun? ... Tio ja estas Dio scias kio... Kaj vi ankoraŭ tenas tian drinkulon ĉe vi... Ĉu vi ne forpelos lin eĉ post ĉi tio?

— Sed, Katenjka...

— Ha, jen de vi ĉio : Katenjka, Katenjka!... Tio estas, finfine, simple stulta! — ekkriis Katenjka ekscitite kaj enŝlosiĝis en la dormoĉambro.

La admiralo kolerege iradis en la kabineto, pense superŝutante Jegorovon per la plej forta insultado, kian li permesis al si nur sur la maro. Li estis jam ironta al la edzino, por proponi ke li mem tuj veturos al la butikoj kaj ĉion aĉetos, kiam enkuris al li la edzino kaj ekkriis kun voĉo plena de ekscitiĝo :

— Iru... rigardu, kion alportis via certa homo! Iru!

La admiralo humile kaj kun kulpa mieno postsekvis la edzinon en la manĝoĉambron kaj — ho, teruro! anstataŭ du pasktortoj estis tie iaj platigitaj flanoj. Feliĉe, ŝinkoj, porkaĵo kaj paskopanoj estis sendifektaj.

— Ha, malnoblulo! — nur diris la admiralo.

— Kiel do ni estos sen pasktorto — ĝemis la admiraledzino.

La admiralo tuj ordonis al la lakeo veturi por pasktorto kaj ekkriis:

— Alvoki Jegorovon tuj!...

Post unu-du minutoj eniris la manĝoĉambron Jegorov. Li staris sufiĉe rekte, kvankam forte ebria.

— Ĥristos Vorkrese,* Leksandra Ivaniĉ.. Estas mi kulpa, via moŝto... Ĝuste, mi ĉifis pasktortojn, ĉar baptanon mi renkontis... — diris Jegorov balbutlange.

— Li estas tute ebria! — diris la terurita admiraledzino.

— Estas ĝuste, via moŝto ... Ebria, sed vin tio ne koncernas... Mi estas servmaristo de Leksandra Ivaniĉ, sed ne via. Admirala servisto... Li povas min ekzekuti! Batu min, Leksandra Ivaniĉ, malnoblulon... Ne kompatu Jegorovon, pro la pasktortoj... Ĉion mi akceptas de vi, ĉar mi bedaŭras vin... Vivis ni kune, dank' al Dio, antaŭe bone, sed kiam vi en maljuna aĝo...

* Kristo reviviĝis (rusa Saluto paska).

— Eksteren! — ekhurlis la admiralo kaj elpuŝis Jegorovon el la manĝoĉambro.

Tutan semajnon ebriis Jegorov kaj sobriĝinte li aperis antaŭ la admiralo kaj petis lin eksigi.

Sed la admiralo, jam sukcesinte elpeti de sia edzino pardonon por Jegorov kaj preninte de ŝi promeson nenien lin sendadi, ne eksigis lin kaj somere kunprenis al marveturo.

El la rusa: *M. Grigorjev.*

*K. M. Stanjukoviĉ* fama rusa verkisto-maristo, vivis de 1843. ĝis 1903. Ne vane oni nomis lin »kantisto de l' maro«, kvankam liaj rakontoj estas skribitaj delonge kaj koncernas tute dronintan epokon (la sesdekajn jarojn de la pasinta jarcento) ili, kiel veraj perloj restas vivaj kaj interesaj ankaŭ nun. Lia plej granda merito estas, ke li montris la vivon, animon de maristaro en tiu transira epoko. Li scipovas interese lumigi ĉiujn flankojn de la apartaj karakteroj kaj same ankaŭ la ĝeneralan vivon de la ŝipo, tiel ke la leganto kvazaŭ sentas, ke ankaŭ li mem kunveturas. La ĉinumere presita rakonto estas el liaj pli malgrandaj kaj facilaj.

---

# LA ESPERANTA RIMO

## — K. KALOCSAY —

Per la uzo de la parencrimoj evidente plilarĝiĝas la ebloj de rimado. Kelkaj oftaj sufiksoj, kiuj en la lingvo estas preskaŭ tute sen rimo, ricevas rimkunulojn. Ekzemple *iĝ*, kiu havas la solan rimkunulon *negliĝo*, ricevas naŭ novajn rimfratojn, inter ili la oftajn *feliĉo, riĉo, sufiĉo*. *Aĵo*, same senfrata rimvorto, ricevas rime la vortojn finiĝantajn per *aŝo*. *Ebla* la vortojn finiĝantajn je... *ebra*. Kunfandiĝas la rimgrupoj *aĉ* kaj *aĝ*, *amb* kaj *amp*, *ald* kaj *ard*, *agr* kaj *akr*, *ank* kaj *ang*, *arm* kaj *alm*, *arm* kaj *arn*, *atr* kaj *adr*, *abr* kaj *apr*, *alt* kaj *art*, kaj same ĉe la ceteraj vokaloj. *Fremda* ricevas rimojn je... *enda, nepra* je ... *ebra, enigmo* je *igno*, ktp. Rimaro enhavanta ĉiujn bonajn kaj konsilindajn parencrimojn certe estus granda helpo, ĝojige plifaciliganta la laboron de la poetoj.

Pluajn rimgrupojn kunkroĉas la

PLUSKONSONANTA RIMO. Tiel mi nomas tiun rimoidon, en kiu unu rimvorto havas inter la rimelementoj je unu konsonanto pli, ol la alia. La pluskonsonanto povas esti

1. la konsonanto jo. Ĉiokaze j-konsonanta vorto rimas kun senkonsonanta rimvorto. Ekzemple:

Filo de paŝao haltus ja neniam,
Sed falegis teren la ĉeval' sub li jam.

Lamente, plore kaj kun veo,
Ŝin oni portis al tombejo.

Tiu ĉi rimspeco donas bonan rimefekton nur ĉe la rimvokaloj *e* kaj *i*. Nome post ili, se ilin sekvas vokalo, neeviteble oni prononcas mallongan jo-similan sonon. Post *a, o,* kaj *u* tia sono ne aŭdiĝas. Tial ekzemple *balao-kajo, troa-ĝoja, plua-tuja* apenaŭ taŭgas kiel rimoj. Maksimume en plurala formo, kaj ne tujsekve, estas uzeblaj tiaj rimoj. Ekzemple:

Kiel sur la pompaj vojoj
Sunoj sur la firmament',
Gaje marŝu, frata gent',
Kiel venki la herooj.

2. pluskonsonantoj povas esti *ro* kaj *lo* (kaj *to* en la sola rimo: sankta-...anta). Ĉiokaze la rimvortoj devas esti almenaŭ dukonsonantaj (krom la pluskonsonanto). Ekzemple: *simple-grimpe, tondro-ondo, ringo-pinglo, estingo-fingro, inda-cindra, angla-sanga, teksto-dekstro*. Jen kelkaj versoj kun nuraj pluskonsonantaj rimoj:

Je la sonoj de l'orkestro,
Brilegante, en orvesto,
Dekoltite, venis multaj
Belulinoj marmorŝultraj,
Brilis brustoj alabastraj,
Pompis la trenaĵoj vastaj,
Paŝis la virin-taĉmento,
Haltis en la ĉambrocentro,
Kie tronis, por akcepto,
Mem la reĝ' kun kron' kaj sceptro.
Nun, legonte festan tekston,
Li eklevis sian dekstron.
Kaj ekfulmis sur la fingro
Lia brilianta ringo...

Jen, kiel oni vidas, la rimvaloro de ĉi tiu rimoido apenaŭ estas malsupera al la puraj rimoj. Malpli perfektan rimefekton havas la

PRESKAŬRIMO. En ĉi tiu rimoido la rimelementoj samas ĝis la postakcenta vokalo inkluzive, sed post ĉi lasta la rimvortoj diverĝas. Ekzemple: *hieraŭ-fieran.*

Gia rimvaloro dependas de la grado de la diverĝo. Tute bona ĝi estas, se la diverĝantaj finkonsonantoj estas parencaj inter si: *tiam-alian, krion-tiom*. Ne fuŝas la rimefekton la manko de akuzativa finaĵo en unu el du *pluralaj* rimvortoj:

Lernis mi la *vortojn*,
Artojn de la Sci',
Nun per spirit*fortoj*
Mem miraklos mi.

Pli surda estas la rimo, se la finkonsonantoj tute malsame sonas : *diaj-mian, groteskaj-preskaŭ.*

*Waringhien* atentigis min pri tio, ke per la uzo de tiaj preskaŭrimoj oni povas fari rimvortojn el la aŭ-finaĵaj vortoj, kiuj cetere tute perdiĝas por la rimado. Vere, tiuj ĉi vortoj estas tute ekzilitaj el la societo de rimvortoj, kaj certe multajn poetojn jam ĉagrenis tio, ke Zamenhof, ni konfesu, sennecese, tiel apartigis, krom la prepozicioj ankaŭ purajn adverbojn, kiuj estus eminentaj rimvortoj (morgaŭ, adiaŭ, hodiaŭ, ankaŭ, preskaŭ, hieraŭ, almenaŭ, apenaŭ, ankoraŭ, kvazaŭ), se ili havus la naturan, adverban e-finaĵon. Nu, pri ĉi tio oni jam ne povas helpi, kaj tial eble akcepteblaj estas : *morgaŭ-zorgaj, ankaŭ-dankan, preskaŭ-plenkreskaj,* do tiaj preskaŭrimoj, en kiuj la radikrimado estas tre forta, almenaŭ dukonsonanta. Superrimo bone akceptebliĝas ankaŭ aliajn diverĝojn (trompataj-kompatan, strofetoj-profeton). Sed tute fuŝiĝis la rimefekto, se unu el la rimvortoj havas en la fino la siblan *so*. Ne nur *anstataŭ-kompatas*, sed eĉ *preskaŭkreskas*, aŭ *morgaŭ-zorgas* estas tute senrimaj rimoj. Sola escepto estas la

TRANSKURA RIMO. En ĉi tiu speco de preskaŭrimo la *unua* rimvorto havas en la fino pluskonsonanton, kaj la sekvan verson komencas vokalo, tiel, ke la pluskonsonanto kvazaŭ transkuras al tiu ĉi vokalo. Ĉi tiun rimoidon oni povas uzi precipe en mallongaj versoj, kaj en tujsekvaj rimoj. Ekzemple :

Li atendos
En la tendo.
Li parolas
En petola
Maniero...

Oni prononcas kvazaŭ : Li atendo — S en la tendo ; Li parola — S en petola — Maniero...

Ni menciu ankoraŭ la INVERSAN RIMON, kun la malsama sinsekvo de rimkonsonanto : *ingo-digno patro-karto, pasko-vakso.* Ekzemple, ĉe Baghy :

Kaj kolero lafa de la Etno
Furiozu en la detrusento !

Fortan rimefekton la inversa rimo ne havas, ĝi estas jam transiro al la *asonancoj.*

ASONANCO VOKALA, aŭ simple Asonanco estas *sameco de vokaloj*, nenio pli. Tamen, inter la asonancoj oni povas distingi kvin specojn.

1. *Pseŭdoasonanco* mi nomas la interrimadon de plurkonsonantaj rimvortoj kun sen-, aŭ unukonsonantaj rimvortoj. Ekzemple : *forte-bone, arde-tamen, venisendis, klingo-iros.* Pseŭdoasonanco mi nomas ilin, ĉar en ili la vokalsameco estas nur ŝajna. Nome, la vokalo de la sen- kaj unukonsonantaj rimvortoj estas longa, tirata, dum tiu de la plurkonsonantaj estas mallonga. En la supraj rimparoj do ne nur la rimefekto, sed eĉ la asonancefekto tute mankas.

2. En la *krudaj asonancoj* interrimas, sur la nura bazo de vokalsameco, plurkonsonantaj kun plurkonsonantaj, unu-, aŭ senkonsonantaj kun unu-, aŭ senkonsonantaj rimvortoj, kaj la *finaĵoj malsamas.* Ekzemple : *arbo-paŝtos, veni-ĉesis, tuj-plu, kria-iras, tamen-kare, morto-tondros.*

3. La *elsonoraj asonancoj* diferencas de la krudaj per tio, ke en ili *la finaĵoj samas,* aŭ maksimume tiom diverĝas, kiom ĉe la preskaŭrimoj. Ekzemple : *granda-vasta, belo-premo, sendi-serĉi, vidas-timas, ne pli-nek mi, por mi-sondi, kruĉo-muro, turoj-muĝon, morgaŭ-sonĝaj.*

Ĉi tiun specon de asonanco mi proponus por la traduko de mezepokaj poemoj asonancitaj. Ĉar en ili la dek-dekdufoje ripetiĝantaj samaj vokaloj de versfinoj, helpate de la sameco de finaĵoj, nepre sentigas ian regulecon eĉ al tiuj, kies nacia poezio neniam uzas asonancojn. Sed la krudaj asonancoj, kun la malsameco de la finaĵoj, kaj precipe la pseŭdoasonancoj, kun sia vokalmalsameco, nepre fuŝus por ili la asonancefekton.

Cetere, eble preferinde estus tute forlasi ĉi tiun enuan, kaj malmulte art-efektan formon, kaj traduki ĉi tiujn asonancitajn poemojn simple en paraj rimoj.

4. la kvara speco de asonancoj estas la *milda asonanco*, transiro al la parencrimoj. Gin karakterizas:

a. severa vokalsameco (konsonantnombro !), b. severa sameco de finaĵoj, c. certa simileco de konsonantoj.

Nome, ĉi tiujn oni povas dividi en kvar grupojn :

1. obtuzaj : bo, po, do, to, do, go, fo, vo,
2. siblaj : so, zo, co
3. ŝmacaj : ŝo, ĵo, ĉo, ĝo,
4. fluaj : ro, lo, jo.

En la mildaj asonancoj la konsonantoj de ĉiu grupo rimas inter si. Krome, flukonsonantaj vortoj rimas kun senkonsonantaj. Ekzemple : *knabo-tago, amiko-sendito, paŝo-kaĝo, vazo-placo, patrujo-muro, truo-brulo, pereo-tero.*

En kelkaj, maloftaj, neeviteblaj okazoj oni povas, inter la puraj rimoj, toleri ankaŭ tian mildan asonancon. Sed oni devas ilin uzi ekstreme ŝpare, ĉar ilia trouzo faras tute obtuzan muzikon, kaj prenas de la verso ĉian sensan ĉarmon. Eble iom pli kuraĝe oni povas uzi la

5. *kombinan asonancon*, en kiu troviĝas apud la pli malpli simila konsonanto ankaŭ konsonanto sama. Precipe la postkombinaj asonancoj estas akcepteblaj. Ekzemple : *cindro-fingro, sonĝo-forĝo, patra-arka, pentro-Decembro, korno-fojno, enigmo-ritmo, baptolakto.*

Resumante la rimoidojn, oni povas starigi laŭ rimvaloro la sekvantan tabelon :

Parencrimo. Pluskonsonanta rimo.
Transkura rimo.
Kombina asonanco.
Milda asonanco.
Inversa rimo.
Preskaŭrimo.
Elsonora asonanco.
Kruda asonanco.
Pseŭdoasonanco.

La rimoj, ĝis kombina asonanco, estas senĝene uzeblaj anstataŭ pura rimo. Ĉi lastan, preskaŭrimon, inversan rimon, mildan asonancon oni uzu tre ŝpare, nur en ekstrema neceso. Elsonoran asonancon sole en la traduko de asonancitaj poemoj. Krudan asonancon kaj pseŭdoasonancon neniam.

### 3. *Agordo.*

La espa nomo de ĉi tiu rimspeco kaj eble ĝia unua uzo en Esperanto, estas de *Waringhien*. Cetere, ĝi ne estas malofta en la moderna franca poezio. En ĝi regas plena sameco de ĉiuj rim-elementoj, *escepte la akcentitan* vokalon. Ekzemple : *versa-farsa, cerbogarbo, rondo-fundo, arbo-korbo, fiksas-teksas.*

Ĝi tute ne donas malbonan kunsonoron. Sed oni devas nepre atenti, ke la rimo estu forta konsonante, almenaŭ dukonsonanta ; ekzemple : *oro-veluro, belapala, kviti-ŝuti* tute ne donas rimefekton, el la unukonsonantaj eble sole la ĝo-vortoj taŭgas : *reĝo-paĝo.*

Krome, la vokaloj ne estu tro diferencaj (ekz. i kaj u). Pleje taŭgas la sekvaj paroj : i-e, e-a, a-o, o-u. Sed ĉe fortaj, trikonsonantaj rimoj oni povas fari escepton : *pentri-montri, pastro-lustro, decembro-ombro.*

Precipe kiel flankrimo ĝi estas bone uzebla :

Mi al li riverencis,
Sed li nur sidis mute,
Eĉ kapon ne balancis.
Mi konfuziĝis tute.

*4. Radikrimo.*

Mi nomas ĝin ankaŭ ABORTA RIMO. Ĉar en ĝi la radikoj bele interrimas, do la rimo koncipiĝas, oni esperas rimnaskon, kaj — la poeto abortas la rimon per tio, ke la finaĵoj iĝas tute malsamaj. Tiajn kompatindajn rimstumpojn ofte oni renkontas precipe ĉe niaj rusaj poetoj. *Superbela-anĝeloj, lando-grandaj, miele-pelas, fali-palajn* estas tiaj radikrimoj, por mi absolute senmuzikaj. Dum la aŭdo de poemo mi simple ne rekonas ilin, kaj dum lego mi devas serĉi por konstati ilian ĉeeston teorie.

Laŭ mia sento, kaj laŭ la sento de multaj diverslingvanoj, la rimoj elsonoras ĉe sia fino. Se ĉi tiu fino tute malsamas, ĝi kvazaŭ tro forta sordino, tute sufokas la akordan kunsonoron eĉ de la plej fortaj, trikonsonantaj rimradikoj.

La radikrimo estas pure teoria, gramatika rimado, donanta nenian sensan ĉarmon, nenian kontentigon de atendo, nenian dolĉan oreltiklon. La radikrimo ne estas rimo.

Ĝi taŭgas maksimume por internaj rimoj, ĉar, kontraŭe al la parencrimoj, kies rimefekto kreskas per malproksimo, la radikrimoj devas esti senpere unu apud alia, por ke evidentiĝu la kaŝita radikrimado. Ekzemple :

*Agordas kordojn* de l'liut'...
Jen, *larme svarmas* rim' post rim'...
*Modes'e festas* ritma danc'...

Baghy : Stranga danco.

En Esperanto la elparolo de la vokaloj nepre estas, aŭ almenaŭ devas esti tre klara. Ĉi tiu klareco ebligas la uzon de la diversaj rimo:doj, sed aliparte tro evidentigas la vokalmalsamecon de rimvortoj. En la agordo la malsamajn finaĵojn ankoraŭ sekvas konsonantgrupo kaj tuta silabo, kio iom vualas la diverĝon. Sed se la malsama vokalo staras ĉe la fino, la rimo nepre dronas en surda tedo.

Krome, la radikrimo ja ne pliigas la nombrojn de eblaj rimoj, ĝi ebligas sole la kunrimigon de malsamaj gramatikaj formoj. Kaj la rimvortojn meti en saman gramatikan formon — tio ja, per la granda fleksebleco de Esperanto, ne estas malebla kaj preskaŭ ĉiam oni sukcesas pri tio kun iom da lerteco kaj pacienco.

*(Daŭrigota).*

# LA GARDOSTARANTO



n la ampleksa ebenaĵo, vasta je dekduoj da kilometroj, tranĉis longaj kaj iom profundaj drenkanaletoj, venantaj el la Nenies Tero, perpendikulare niajn tranĉeojn por fluigi la akvon el tro malseka tero en la plej proksiman riveron.

Ĉi tiuj drenoj estas danĝeraj, kaj, por eviti surprizojn, laŭlonge la ligigaj tranĉeoj, kiuj superpasas ilin, oni kutimas starigi gardostarantojn kiuj devas atente rigardi kaj aŭskulti por malebligi embuskojn.

Kelkajn fojojn la malamiko per altaj kaŭĉukaj botoj vadas eĉ en la akvo, riskante esti aŭdata de la kontraŭuloj. Sed pli danĝere estas, kiam, en la vintraj tagoj, la akvo glaciiĝas, kaj sur ĝia glata supraĵo oni povas silente ŝovi la kaŭĉukajn ŝuplandojn.

Sed vi ne bezonas atendi plu.

Rimarku, malgraŭ la malhela nokto, tiun kvazaŭ-ombron, kiu, singardeme, genurampas prempalpante la malmolan frostaĵon.

Ĝi iras verme, kvazaŭ volante antaŭeniri, senbrua kiel vera ombro, krime.

Brava soldato fidas siajn pugnojn kaj la ŝtalon de sia bajoneto ; li ne gardostaras tiel vigle kiel senkuraĝulo.

* * *

Iomete post iomete la rampanta ombro alproksimiĝas, kaj la gardostaranto tro fidema nenion rimarkas kaj ĵus turnis al li la dorson.

En la paca tempo soldatejo estas lernejo de mallaboremo.

Mallaboras la galonumitoj kaj mallaboras la soldatoj duonkuŝantaj sur la tornistroj aŭ matracoj.

La vivo por ili korbatas monotone, laŭtakte la promenadon de iu gardostaranto, kies ĉiu paŝo markas en la tempo pasintan senproduktan sekundon.

Kaj tien kaj reen li promenas, senlaca pendolo, havanta nenian konscion pri sia neproduktemo.

Lia penso forflugas al la loko, kie li amindumis, al la terpeceto, kie vivas lia familio, al la hejmo, al la draŝejo, al la puton... Li pensas pri la korboj da figoj de la plej maljuna figarbo, pri la kvanto de panoj naskitaj de lia bakforno... Kaj nur tiam li forpelas tiun laŭtaktan letargion, kiam lin anstataŭris, la nova pendolo, aŭ kiam la raŭka malafabla voĉo de iu superulo dispelas liajn revojn.

Jen tiuj, kiuj ankoraŭ sonĝemas.

La nerevemuloj rigardas la ŝtonojn tiel, kvazaŭ ili scius kalkuli ilian nombron. Ili mezuras la paŝon, plifermante aŭ plimalfermante ĝin, por piedpremi iun fiksitan ŝtonon.

Kaj tiel la tempo pasas ĝis la horo de la kazernludoj : tiam la soldatoj povas kuŝiĝi sur la malmolaj matracoj aŭ aŭdi la ĝememajn fadojn, kiujn gitarludas la nova kamarado.

* * *

Dum la milito gardostari estas : ne vidi la malamikon, kiu alproksimiĝas, ne senti la malrapidan antaŭeniradon, ne diveni la senbruan rampadon, ne singardi kontraŭ li kaj fali vundita per bajoneto, kiu traborante la vivon, eltranĉis el la kompatinda korpo homajn sentojn kaj hejmajn revadojn.

La ombro forkuras, forkuras nun rapide, kunportante la trofeojn, la kepon kaj la pafilon de la viktimo.

Post kelkaj momentoj, alia gardostaranto, per okuloj kaj oreloj atentege maldormas, kredante vidi ke aperas el la ombroj lin ĉirkaŭantaj, ruza malamiko sin ĵetanta sur lian vivon.

***Saldanha Carreira, Lisboa***



# OBSERVO

## LA GERMANA BELA LITERATURO PRI LA MILITO

Sendube: la mondmilito estis la plej forta travivaĵo de la nuna generacio. Kiel en ĉiuj landoj ĝi treege influis la socian kaj ekonomian vivon, la politikan, sciencan, teknikan situacion, tiel ĝi ankaŭ donis karakterizan noton al la artoj, kiuj ja grandparte nur respegulas la bildon de l' vivo, formitan de artista homo.

Ĉirkaŭ dek jaroj pasis, ĝis kiam aperis la unuaj gravaj beletristikaj verkoj, kiuj prezentas la militon kaj ĝiajn travivaĵojn en arta formo; ĉar meze de aŭ tre proksime ĉe la okazaĵoj mem povas ekflori eble brila eseo, lerta ĵurnalistaĵo, sed ne serioza artverko, kiu bezonas distancon por la rigardo estetike mezuranta kaj tempon por maturiĝo. Tial dum la milito kaj en la unuaj jaroj post ĝi aperis preskaŭ nur anekdotaj rakontoj, personaj travivaĵoj negravaj laŭ arta vidpunkto. Ŝajnas ankaŭ, ke la popolo jus reveninta de la militkampo, tiam ne volis legi pri tio, kion dum jaroj ĝi vidis ĝis supersatiĝo. Eĉ venĝavido-kvankam komprenebla en popolo terure malvenkinta ne estas trovata en seriozaj verkoj. Karakteriza trajto: La germana lingvo, ankaŭ la soldata slango ne eltrovis kaj uzis ofendan nomon por la kontraŭuloj; ekz. ne ekzistas lingva ekvivalento por la franca »boche«.

Sed post rekonstruo de la ŝanceliĝanta ŝtato, post restariĝo de la revenintoj en la civila vivo aperis iam la momento, kiam multaj el la iam militintaj ekdeziris klarigon kaj eble interpreton de tio, kion ili ĥaose travivis kvazaŭ molekuloj en freneze furiozanta maŝinaro; kaj la plenkreskiĝanta generacio, kiu dum la militotempo sidis sur la lernejaj benkoj, avidis, ekkoni la vizaĝon de tiu superpotenca okazaĵo, kiu kaŭzis al la junularo malfacilajn vivkondiĉojn kaj senesperigan aspekton en malluman estontecon.

Tial aperis dum la lastaj tri, kvar jaroj granda amaso da militromanoj, militnoveloj, skribitaj de verkistoj kaj de neverkistoj, okazantaj ĉe ĉiuj frontoj, ĉe ĉiuj soldatgrupoj, politike koloritaj kaj neŭtrale-homaj. El ili estu priparolataj ĉirkaŭ 30, kiuj laŭ mia opinio havas literaturan valoron kaj kies lego estas rekomendinda. Mi faris la elekton kiel eble plej multflanka. Se tamen io grava eble mankas, senkulpigu min la devo, resti inter la limoj de malmultaj gazetkolonoj.

Unue ni rigardu librojn, kiuj estas pli malpli arte formitaj raportoj, sen multa filozofio kaj kritiko, sed ĉefe fotografaĵoj de tio, kio okazis. Malgraŭ ke de la libro de Remarque »En okcidento nenio nova« vendiĝis pli ol du milionoj da ekzempleroj en 19 lingvoj, mi donas pli altan rangon al la libro de Renn, »La milito«. Sen multa arto, sen frazaĵoj, malsentimentale, sed kun demona klarvido, kelkloke ironie kaj sarkasme tiu nura dokumento montras, kiel la germana soldato en la frontfosaĵoj vidis sin, siajn kunulojn kaj kontraŭulojn kaj ilian agadon. Ŝajnas al mi, ke ĝi pli rajte ol la libro de Remarque meritas la subtitolon: Literatura monumento de la nekonata soldato. — Poeto de tremiga realeco estas M. Wehner, kiu en »Sep (viroj) antaŭ Verdun« kun vervo kaj interna fajro, per nekompareble intuiga lingvo igas nin kuntravivi la terurajn buĉadojn ĉirkaŭ tiu franca fortikaĵo. — Same E. Jünger en »Fajro kaj sango« donas bildojn de la franca fronto en 1918, kiam la milito fariĝis batalado de maŝinoj. — G. Siegert en »Milita taglibro de kanoncelisto« raportas pri batalanta baterio en 1914, F. Schauwecker en »Ekmarŝo de la nacio« pri la sinofera, seniluzia vivo en ŝlimo kaj sango ĉe la rusa fronto. — La brutalan, barbaran karakteron de la milito pentras plej malkaŝe W. Michael en »Infanteriano Perhobstler«. Rikananta cinikeco, bestaj instinktoj kaj tute apude plej delikataj sentoj de amo al infanoj, de kompato al la malamiko kreskis en tiu infero, kie en ĉiu minuto la blinda hazardo, ridanta senzorgo, stulta ordono povis altiri la morton. — Kontraŭe Schlump en ĉiu danĝero, inter kadavroj kaj grenadoj konservas iom da suna gajeco kaj brava humoro. — M. Heinz, juna militvolontulo kiel Schlump, studento, skribis en »Loretto« kelkfoje iom paperan stilon; sed la prezentmaniero, kiu el heroa entuziasmo kondukas al animamariĝo kaj senkonsila malespero, faras la libron unu el la plej valoraj. Ankaŭ E. Köppen en »Armebulteno« efike kunigas la objektivan okazadon kun persona impresiĝo. — Unu el la lastaj el tiuj raportantaj estas W. Hartung. Ankaŭ lia »Grandbatalo, viroj kaj grenadoj« notas senpretende, sen stilaj brilaĵoj tion, kion la aŭtoro vidis kaj aŭdis.

Al tiu grupo apartenas ankaŭ »La mi'ito«, eldonita de politike radikala eldonejo pro propagando kontraŭ la

---

## La muzikant' kun muzikilo

En la aero kanto naĝas
Majesta, festa sonomilo.
La ritmo tremas, sin pretigas
La muzikant' kun muzikilo.

La muzikant' kun muzikilo...
La kor' ekbrulas, lulas kante
Jen dolĉvelura ĝojario;
Ĝi sonas rave, reve, sankte.

La kant' sonoras reve, sankte...
Sed eksilentas la sorĉtrilo;
Nur trumpetaĉ' en man'. Ektremas
La muzikant' kun muzikilo.

La muzikant' per muzikilo
Ekkanti ŝatus mire, bele,
Ekplori, flori, flirti, morti
Kaj vaporiĝi surĉiele.

Forvaporiĝi surĉiele...
Ho raŭka ilo, falsa trilo.
Jen antaŭ vi nur mute staras
La muzikant' kun muzikilo.

*F. Szilágyi*

## La spegulfiguro

Mi timeme tiras min al ŝima muro,
Sed estas alta, forta
La spegulfiguro.

Dum silentaj horoj, je vesperpurpuro
Severe min rigardas
La spegulfiguro.

Super mi altiĝas en juĝistveluro,
Disputas, jugas, punas
La spegulfiguro.

Trans la teron paŝas treme mia kruro,
Teruras sur ĉiel' min
La spegulfiguro.

Ĉio plore ploras, vanis eĉ la kuro
Ne havas korkompaton,
Preparas sabrobaton
Mil jarojn atendas super mi, tremanta mi,
La spegulfiguro.

*F. Szilágyi*

milito. La libro enhavas mallongajn, arte bonajn scenojn de 40 aŭtoroj, kiuj pentras la plej diversajn momentojn el la bataloj.

Ne malgranda estas la nombro de verkoj, kiuj montras al ni la travivajojn de specialaj soldatogrupoj. Sur militŝipon kondukas nin la poeto-laboristo K. Bröger en »Holdofako 17«. La heroa morto de maŝinpafila taĉmento en ŝutfermita ĉelo de la kirasŝipo estas priskribita kun psikologia majstreco. Eble ne plaĉos al ĉiu la ĉiama uzado de la marsoldata slango. — R. Plivier estas politika radikalulo. En »La kulioj de l' imperiestro« li pentras la psikon de maristoj, kiuj sen intereso por la milito kaj ĝiaj celoj, post enuigaj ekzercadoj, malgraŭ la fieraĉego de vantaj superuloj kaj psikologie malkapablaj agoj de la plej altaj kondukantoj mortas tragike en la krevantaj ŝtalŝipoj kaj inter la ondegoj de l' maro. Ĝi estas intence politika libro. — Tute alia: »Marsoldato dum la milito« de G. Hester. Kvankam la aŭtoro neakuzante, sed senrespekte kaj nepre malkaŝe montras heroecon kaj malgrandanimecon, malsaton kaj hejmensopiron, noblecon kaj kanajlecon kaj frenezajojn, tamen li postlasas en la leginto la bildon de bonulo, kiu konservis homan koron. — R. Euringer en »Aviadista ekzercejo 4« donas nemalpoezian bildon de la militaeroplanistoj; kaj M. Beradt kondukas nin al la »Ŝovelistoj ĉe la fronto«, al tiuj neglorataj viroj, kiuj fosis la terfortikajojn, en kiuj la armeoj vivis kaj batalis dum kvar jaroj. — La libro »Plastrokestoj« (tio estis slanga esprimo por la sanitaraj soldatoj) de Frey enhavas kontinuajn notojn de pacifisto, kiu per brilanta lingvo pentras tipajn situaciojn de la sanitaristoj sur la batalkampo; kaj »La fronto de la kuracistoj« de W. His meritas atenton jam pro tio, ĉar ĝia aŭtoro estas unu el la plej famaj germanaj kuracistoj.

El la romanoj pri militkaptitoj estas la plej forta »La armeo malantaŭ pikildrato« de E. Dwinger. La aŭtoro havis 17 jarojn, kiam kaptis lin la rusoj. Dum kvar jaroj ili retenis lin en Siberio, ĝis kiam li sukcesis rifuĝi. Kion vidis tiu knabo en la barakaro, kie mortis 17000 soldatoj de baciloj, de malsato, de malvarmego, de fiinsektoj, de brutaleco, de malespero- cio ĉi multe superas la inferon de Dante. — Simile K. Wilke en »Prisonnier Halm« montras, kiel en franca militkaptitejo la karakteroj ruiniĝas kaj eĉ la kamaradeco mortas. — Meier-Gräfe, fama arthistoriisto, priskribas en »La blanka strato«-kun kelkloke sarkasma humoro, kiel matura, altspirita homo en rusa kaptitejo akiras starpunkton de filozofo; kaj la poeto Geor der Vring en »Camp Lafayette« pentras amerikan tendaron por germanaj kaptitaj oficiroj sur franca teritorio.

Por konatiĝi kun la vivo de tiuj, kiuj suferis la militon hejme, oni legu la librojn: »Ginster; skribita de li mem«; M. Scheele; Virinoj en la milito« kaj precipe: »La naskitoj el 1902«, de E. Gläser kiu malfermas terurajn abismojn en la interna evoluo de la gejunuloj, kiuj ekmaturiĝis dum la milito.

En ĉiuj el la verkoj ĝis nun cititaj parolas al ni ĉefe la okazajoj mem. En la sekvantaj provas poetoj, prilabori la krudan materialon de la realajoj, por formi el ili artverkojn de pli alta rango, ekz. R. Binding en la klarvida taglibro »El la milito«, Georg von der Vring en »Soldato Suhren«, kiu majstre montras la militon respegulita de artista animo, kiu fariĝis nura numero en la rekruta listo kaj tamen, kvankam penege, konservas sian propran spiritan ekzistadon. — Ankaŭ K. Gerlach kreis per »Inter la frontoj« libron plenan de klareco, de trankvilo kaj malkonsterno.

Aparte mi volas citi tri verkojn, kiuj laŭ mia opinio, staras plej alte en arta rilato. Unue »La konflikto pro la serĝento Griŝa« de A. Zweig: Mizera rusa kaptito falas inter la radaron de la militjustico kaj mortas senkulpa, fatalisme sindona al la sorto. — Simile en »La delikto de Paul Wendelin« de Meyer-Eckhardt, germana ĉefserĝento falas viktimo de sia kuraĝo je la vero kaj de sia senmakuleco en vortoj kaj agoj. Ambaŭ libroj elmontras ankaŭ la senkompatan mekanismon de la administracio, la kastecan spiriton en la armeo, la danĝerojn de troigitaj obepostuloj k. s. kaj lasas alude elsoni el tiaj faktoj la antaŭsenton de venonta malvenko. — Fine la »Taglibro el Rumanujo« de H. Carossa distingiĝas per detala pentrado de detalajoj nur ŝajne flankaj, kiuj estas magie ĉirkaŭfluataj kvazaŭ de mistera muziko. Tiu belega verko de vera poeto restos supozeble unu el la plej longe daŭrantaj libroj pri la milito.

Ĉi tie trovu lokon ankaŭ la »Militleteroj de falintaj studentoj«, eldonitaj de Ph. Witkop. Skribitaj de esperoplenaj junaj kleraj homoj en entuziasmo, en senzorgeco, en antaŭsento de la venanta morto ili sentigas pli klare ol ĉiu romano la sensencecon de la organizita murdado kaj estas eble la plej forta akuzo kontraŭ la milito.

Kiu interesiĝas pri la spionado dum (kaj ankaŭ post) la milito, legu la interesan libron »Atentu! La malamiko kunaŭskultas!« de Freiherr v. Grote.

Por kompletigi la liston restas citindaj ankoraŭ tri libroj. W. Beumelburg en »Barkanonado ĉirkaŭ Germanujo« skribis popularan historion de la milito, kun poezia vervo kaj ĉerpante el plej certaj fontoj. Admirinde li kaptis la multegon da travivajoj ĉe la frontoj kaj en la patrujo sur kelkcent paĝoj.

Fine du bildverkoj: Jünger; »La vizaĝo de l'mondmilito« (kun serio de traktajoj) kaj »Kamarado en la okcidento« (nur kun mallonga antaŭparolo, sed kun 221 bildoj eble ankoraŭ pli bonaj).

Ne estas pura ĝojo, tralegi tutan tiun militan literaturon. Ne estis por mi agrabla tasko, skribi pri ĝi tiun ĉi referaton. Ĉar kun demona forto ĝi revekis malnovajn travivajojn, kiujn mi volas kaj volas forgesi: denove mi staris nokte ĉe la lumanta kaj kriegeanta fronto antaŭ Ypern — denove mi kuŝis en la terkavernoj de la Champagne ĉe Moronvillier, mordata de pedikoj kaj ĉirkaŭsaltata de aeroplanaj bomboj super la stacidomo de Focsani — denove mi veturis el Braila tra la Nigra Maro inter svarmoj de naĝantaj minoj.

Kaj tamen: tiu literaturo konservos vivanta la terurojn de barbara jarkvaro kaj per tio espereble akcelos la ekkonon, ke por diskutado de internaciaj problemoj devas esti trovataj aliaj rimedoj ol mortigo de viroj, vidvinigo de edzinoj, orfigo de infanoj, detruo de plej valoraj kulturverkoj kaj ruinigo de la tutmonda ekonomia bonfarto.

*Listo de la priparolitaj libroj*
*(aŭtoro, titolo, eldonejo, jaro de l' apero).*


**Anonima autoro: Schlump; Geschichten und Abenteuer, von ihm selbst erzählt (Kurt Wolff, Müchen 1928)**

**Anonima autoro: Ginster; von ihm selbst erzählt (S. Fischer, Berlin)**

**Anonima autoro: Der Krieg (Internationaler Verlag, Berlin C 25)**

**Anonima autoro: Kamerad im Westen (Societäts-Verlag Frankfurt a. M. 1930)**

**Beradt, Martin: Schipper an der Front (S. Fischer, Berlin 1929)**

**Beumelburg, Werner: Sperrfeuer um Deutschland (Stalling, Oldenburg 1929)**




Goya: Proverbios *Disparate*

Binding, Rud. G: Aus dem Kriege Rüten Locning (Frankfurt a. M.)
Bröger, Karl: Bunker 17 (Eugen Diederichs, Jena 1929)
Carossa, Hans: Rumänisches Tagebuch (Insel-Verlag, Leipzig 1926)
Dwinger, Edwin Erich: Die Armee hinter Stacheldraht (E. Diederichs, Jena 1929)
Euringer, Richard: Fliegerschule 4 (Hanseatische Verlagsanstalt)
Frey, A. M.: Die Pflasterkästen (G. Kiepenheuer, Berlin 1929)
Gerlach, Kurt: Zwischen den Fronten (Hellenhaus-Verlag, Hellerau bei Dresden)
Glaeser, Ernst: Jahrgang 1902 (Kiepenheuer, Berlin 1929)
Grote, H. H. Freiherr: Vorsicht! Feind hört mit (Neufeld und Henius.)
Hart ung, Wilhelm: Grosskampf, Männer und Granaten (Wilhelm Kolk, Berlin 1930)
Heinz, Max: Loretto (Rembrandt-Verlag, Berlin)
Hester, Gustav: Als Mariner im Krieg (Rowohlt, Berlin 1928)
His, Wilhelm: Die Front der Aerzte (Velhagen und Klasing, Berlin)
Jünger, Ernst: Feuer und Blut (Frundsberg-Verlag, Berlin 1929)
Jünger, Ernst: Das Antlitz des Weltkrieges (Neufeld und Henius, Berlin)
Köppen, Edlef: Heeresbericht (Horenverlag. Berlin-Grunewald 1930)
Meier-Graefe, Jul.: Die weisse Strasse (Klinkhard und Biermann, Berlin 1929)
Meyer-Eckhardt, Viktor: Das Vergehen des Paul Wendelin (Piepenschneider, Braunschweig 1922)
Michael, Wilhelm: Infanterist Perhobstler (Rembrandt-Verlag Berlin, 1929)
Plivier, Th.: Des Kaisers Kulis (Malik-Verlag Berlin)
Remarque, Erich Maria: Im Westen nichts Neues (Propyläen-verlag Berlin 1929 (Esperanta eldono de Heroldo-eldonejo Köln, 1930)
Renn, Ludwig: Der Krieg (Frankfurter Societäts-Druckerei, Frankfurt a. M., 1929)
Schauwecker, Franz: Aufbruch der Nation (Frundsberg-Verlag Berlin, 1930)
Scheele, Meta: Frauen im Krieg (Leop. Klotz, Gotha, 1930)
Siegert, Gerhard: Kriegstagebuch eines Richtkanoniers (K. F. Koehler Leipzig)
Vring, Georg von der: Soldat Suhren (Spaeth, Berlin, 1928)
Vring, Georg von der: Camp Lafayette (Schünemann, Bremen)
Wehner, J. M.: Sieben vor Verdun (Georg Müller, München, 1930)
Wilke, Karl: Prisonnier Halm (Koehler & Amelang)
Witkop, Ph.: Kriegsbriefe gefallener Studenten (Georg Müller, München, 1929)
Zweig, Arnold: Der Streit um den Sergeanten Grischa (Kiepenheuer, Potsdam, 1928)

*Paul Bennemann, Leipzig*

## BLAMIRE YOUNG PRI GOYA

En la jaro 1923 aperis libro skribita de Aŭstralia artisto *Blamire Young*, nome »*The Proverbs of Goya*« (*Proverbios*) kiu havas apartan intereson por ĉiulandaj legantoj, ĉar la akvafortoj de Goya dum pli ol jarcento restis artista enigmo. Tre interesa estas krome, ke la fama nuntempa Aŭstralia artisto *Norman Lindsay* tre lerte recenzis la libron de Young per sekvantaj vortoj:

»Dum centjaro la akvafortoj de Goya, pro siaj petole neklara simbolismo kaj celtrafe absurdaj titoloj, altiris nur senkomprenan rigardon, kiel oni rigardas iun, parolantan en fremda lingvo.

Goya mem diris ke liaj akvafortoj estas nur sensencaĵoj. Li havis sian kialon por ĉi tio. Sed malgraŭ la zorgemo, per kiu Goya kaŝis sian signifon, sian atakon, kontraŭ la Homo kaj la Socio, ĉi tiuj Homo kaj Socio, sub loka nomo de Inkvizicio, faris sian eblon por detrui la artiston, malgraŭ la tiama nedivenita enigmo de liaj desegnoj kaŭterizitaj sur kupro.

»Poste oni nescie supozis, ke eĉ Goya mem perdis la vojon de kompreno pri sia propra kurioza simbolismo, kaj ke kia ajn lerteco devos, ĉesigante la pluan blindserĉon, lasi ĝin sub la polvo de forgesitaj tradicioj de l' Vivo kaj de l' Arto. Ĉi tiu supozo ne plu povas stari. En sia verko pri Goya, *Blamire Young* donis por ĉiu el tiuj misteraj akvafortoj, analizon de signifo, kiu estas klare pravigita de la akvafortoj mem kaj ĉiafoje akordas kun la aparta vidpunkto de Goya al la vivo.«

»Neniel oni povas diri pri Young, ke li aliformigis la atestaĵon por pruvi teorion: la teorio devenas de la atestaĵo mem, sed tamen, tiel kurioze neklara estas la simboloj de Goya kaj tiel malsimpla estas la konstruo de liaj formoj, ke la lerteco, per kiu Young faris logikan klarigon por ambaŭ, estas efektive mirindaĵo de literatura detektiveco. Miaparte, mi konfesas, ke mi ne povas diveni precize, el kia vidpunkto Young komencis ĉi tiun aventuron en la vere nekonata lando, kiu estas la cerbo de Goya. Certe li ricevis kiel eble plej malgrandan helpon de Goya, kiu kvazaŭ antaŭvidis la eblecon de literatura detektivo kaj prenis malican plezuron, lasi post si, kiel postesignojn elstudindajn, perfekte sensencan miksaĵon.

»Sed malgraŭ ĉiuj malhelpoj, Young venkis ĉion, rilate al la mistera lertaĵo de Goya. De nun, por ĉiam, ĉiuj, kiuj volas elstudi ĉi tiujn vagemaĵn kreaĵojn de stranga cerbo, devos tion fari pere de la analizo farita de Young. Al artistoj, kiuj movas nin elstudi ĉiujn kaŭzojn de la morala falego kiu nuntempe atakas la Homon, ĉi tiu libro pri la Alta Cerbo (Goya), laboranta ĉe la limrando de pensado dum la antaŭlasta centjaro, havas grandan valoron.

»Ĉar Goya vidis la Homon klare! Kaj vidi la Homon klare, estas fronte alvizaĝi la ununuran abomenaĵon eblan sur la tero.

»Pro la militego jus finita (1914—18) kaj pro la militegoj kiujn li eĉ nun preparas, la Homo estas malkovrita al ni kaj li staras nuda antaŭ nia seniluziigita vido.

»Estas klare videble, ke ĉiuj pasintaj perceptoj pri la Homo, humanistaj aŭ optimistaj aŭ iel ajn havantaj fidon al li, estas senutilaj. Serĉante bazon por elstudi la problemon de la Homo, ni povas allasi sole la atestaĵon devenantan de kelkaj cerboj, kiuj, el la ombroj de la intermontoj, povas vidigi lin sen iluzio kaj tial sen fido aŭ espero al li. Dum periodoj de korpa malsaneco Goya faris du grandajn seriojn da akvafortoj. En la unua, sur la ĝenerala kaplinio, »Milito,« estas difinita — la Homo, la Besto. En la dua sub la ĝenerala kaplinio, Socio, estas malkovrita — Socio, Homo la Idioto. Jen ĉi tie ni vidas la veran naturon de la feroca kaj senpripensa kuraĝo de Goya. Per ili Goya kvazaŭ sin defendas kontraŭ sia propra superforta sentemo al ĉio, kio estas abomena kaj deprimanta el la agado de l' Vivo.

»Dum malsaneco, dum la plej malforta tempo de lia korpa vivemo, la defendpovo de Goya venkiĝis, kaj li estis devigata dissemi la tremantan abomenon de sia animo per farado de formo-simbolismo en la Akvafortoj. Li serĉis malesperan kuracilon por ega sufero: lia sentemo lin devigis, ke li forigu el sia cerbo la obsedon per senkompata difino de la kaŭzo kaj naturo de ĉi tiu obsedo. Kion Goya suferis pro la spektaklaĉo de la Homo, estas forte skribita en ĉi tiuj memturmentantaj akvafortoj, kiuj estas reagoj kontraŭ Hororo, kaj reagoj de cerbo kies artista kuraĝo estis heroa en ĝia elrigardo sur la agadon de l' Vivo. Ĉi tie por mi komenciĝas la morala utilo de la akvafortoj, ĉar ilia malkovro pri la Homo fariĝas ja revelacio pri la cerbo de Goya.

»Estas vere ke Goya, en la materialo de sia malespero, elserĉis kaj trovis rimedon por sin liberigi de la malespero. Sed laŭ la hodiaŭa scio, lia »Colossus« estas ege optimista.

»Ĉi tiu giganto »Colossus«, tute kovrita per haroj, kaŭranta trans la pigmeigita tero, turnas sian malklerau kaj bestiĝintan gaprigardon al la unua lumo de la matenruĝo kies ekbrilo nur atingas liajn ŝultrojn, kaj jen, kie la lumo ektuŝas, unuafoje montriĝas la blanka haŭto. En ĉi tiu akvaforto, laŭ la klarigo de Young, Goya je ununura fojo esprimis la esperon, ke la scio detruos la Beston en la Homo.

»Nu! Dum centjaro ekbriloj kaj eĉ brilegoj estis turnitaj sur ĉi tiun Colossus — sur la Homon. La edukado estas preskaŭ universala. Ĝi efikas per milionoj de ĵurnaloj, libroj, noveloj, romanoj, kiuj kovras la

mondon. La Homo povas unumomente babiladi la plej allogan humanismon, prezenti sin kiel bonegulon kun la plej ĉarmaj moroj — kaj subite, en la centro de ĉi tiuj plej progresemaj Eŭropaj civilizigaj procedoj, okazas la plej mortiga militego, kiun la mondo iam vidis. Jen, en ĉi tiu centro de civilizado militego havis genezon!

»Lumigu, eĉ razu la Beston tute — kaj ankoraŭ ne solviĝas la problemo. La Besto ne utilos eĉ je unu grenereto pli ol antaŭe, — li nur iĝos pli danĝera. Tute kovrite de haroj li estas nur simpla sovaĝulo, kaj ni povas eviti liajn mallerte uzitajn jetlancojn kaj bastonegojn, sed razite kaj senhare, vestite lastmode, la Besto fariĝas Homo, fariĝas »isto« kun eksplodegaĵoj, sidas en altaj oficoj kaj maturigas planojn subeksplodigi sin mem kaj milionojn da aliaj.

»Ĉu humanistaj atakoj kontraŭ ĉi tiu sovaĝulo, tia, kian faris Goya, atingos iam ajn la celon? Tute ne! »Se la Homo povus lerni ion tiamaniere, ne estus necese tiel lernigi lin, ĉar se li havus la povon scii pri si, kia li estas, li ne estus, kio li estas.«

Tiel parolas Norman Lindsay el sia artista vidpunkto, sed li vere ne estas tiel pesimista, kiel ŝajnas. Notinde estas, ke Norman Lindsay akcentas aliloke, ke ĉi tiu Sovaĝulo, la Homo, povas esti malsovaĝigita sole per instruo pri la Pasio, Amo kaj Belo. Norman Lindsay rifuzas la pensmanieron de H. G. Wells kaj aliaj, ke Scienco, Publika Edukado k. t. p. »civilizas« la Homon. Eĉ, laŭ Norman Lindsay, civilizado sen artista elstudado kaj kompreno de Pasio, Amo kaj Belo povos nur pli danĝerigi la civilizadon. Ĉu la faktoj de 1914—18 kaj la nuna armita stato de Eŭropo ne pravigas lin? Ni, kiel esperantistoj, povas pripensi: »Kio estus Esperanto sen la interna ideo de la Majstro«. En la sama maniero, Norman Lindsay pensas pri la Homo: — »Kio estas civilizado sen kompreno kaj akcepto de Pasio, Amo kaj Belo?«

*

El la libro de la Aŭstralia artisto *Blamire Young*, kin malkovris la sekretojn de la enigma akvafortoj de Goya, jen estas recenzeto pri Disparate 10:

La fortega ĉevalo estas la simbolo de la Pasioj, ĉi tie ne la bone dresita, edukita ĉevalo de la ceteraj akvafortoj, sed sovaĝa, senbrida besto, kiu kaptas la noktoĉemizon de virino galopante kun ŝi furioze al ia senespera kaj malbela lando. La Virino estas unu el la popolo, nebela kaj matura. Ŝia senringa mano atestas needziniĝon. Tamen, ŝi estas korpe bonkreskinta, kaj povus naski infanojn. Tial ni povas konkludi, ke ŝiaj pasioj, nature fortikaj, estis subpremitaj ĝis ŝi ne plu povis rezisti ilin. Tial, kiam ŝiaj pasioj kaptas ŝin, ŝi neniel luktas, por sin savi.

Tamen, estas alternativo, kiun ŝi povus elekti, kaj kiu povus savi ŝin el la terura venĝo de ŝiaj retenitaj deziregoj. Ne malproksime estas du monstraj bestegoj, plenmanĝintaj kaj dormemaj. Ŝi estus povinta sin doni al unu el ĉi tiuj nesatigeblaj rampuloj, kiu estus ŝin forglutinta. Tiam ŝi estus fariĝinta memvola viktimo de nehumana logiko de sensenca dogmo.

La rampuloj, malbelaj kaj abomenaj, estas la simboloj de la Konventuala (monaĥineja) Sistemo, kiel Goya sciis ĝin. Por la needziniĝinta virino nur estis la alternativoj de la fiĉevalo aŭ la rampulo. La senedza virino de la epoko de Goya ne povis elekti karieron. Ŝi nur povis eniri la monaĥinejon, aŭ sin fordoni al vivado en senbrida diboĉo. Goya elkore sopiregis plibonigi la staton de la virino. La akvaforto celtrafe instruas:

»Certe devas esti kariero por virino, en kiu ŝi povos teni sian memrespekton«.

*L. Thomson.*

## *INTERNACIA KOLONIA EKSPOZICIO EN PARIZO*

La 2-an de majo oni inaŭguros en Parizo aŭ pliĝuste en la arbaro de Vincennes la Internacian Kolonian Ekspozicion. Ĝi okupos la surfacon de 110 hektaroj kaj konsistos el tri sekcioj: Ĝenerala sekcio, francaj kaj eksterlandaj kolonioj.

La ekspozicio prezentos laŭ plej pitoreska maniero ĉion, kio estas interesa kaj karakteriza el la kolonia arkitekturo kaj vivo. Palacoj kaj simplaj kabanoj, temploj el diversaj regionoj estas reproduktitaj kun la plej granda precizo.

Ĉion ĉi baldaŭ vigligos la indiĝenoj kun siaj magazenoj, butikoj, teatroj.

Ĉiaspecaj arto, muziko, danco, ludo estos reprezentitaj. Ĉiaj transportiloj senteraj kaj eĉ diversaj indiĝenaj boatoj ekokupos du grandajn lagojn.

Ĉiutage vi povos havi stomakdoloron laŭ alinacia kuirarto.

Mi ne intencas eĉ mencii pri la tuta serio de festoj, pri la lumaj fontanoj, artifikaj fajroj, akvaj ludoj.

La laboro sur la tereno estas vigla.

Jam de malproksime frapas viajn okulvitrojn (se vi tiajn portas) kaj okulojn la piroforme akrepintaj turoj de la impona templo de Angkor. Kun mia enirpermeso mi facile enpenetras la severe gardatan teritorion de la Ekspozicio.

Jam nun vera turo de Babel: francaj, italaj kaj polaj laboristoj finas la konstruojn. Mi ekscias kiel konscie originaloj estas reproduktitaj. La inĝenieroj kaj arkitekturistoj pasigis multajn monatojn en la originala lando de sia reprodukto. La vizitanto estas kvazaŭ en la kolonio de li revita, ĉar eĉ la tuta ĉirkaŭo estas alfarata. »Nek unu falsa detalo devas kompromiti la laboron« diras al mi la inĝeniero en la Tunisa »kolonio«.

Jen la domo de Vaŝington! Oni kopiis ĝin en ĉia detalo, ĉiuj partoj estis faritaj surloke kaj poste transportitaj al Parizo. Eĉ la fama »ŝlosilo« troviĝos sur la »sama« tablo en — Parizo!

Templo de Angkor! Granda, griza konstruo, kiu dominas la tutan Ekspozicion. La impreso estas ne forviŝebla. La eniron gardas ŝtonaj drakoj. La rozkoloraj



Internacia kolonia ekspozicio Parizo.
*Generala Palacaro de francaj kolonioj.*

barneliefoj ŝajnas speguliĝi en la malproksima suno de l' Oriento...

Io mistera kaj grandioza samtempe!

Baldaŭ miloj kaj miloj diversnaciaj vagos tie ĉi kaj reportos en la animo kaj koro fortajn impresojn.

Pormomente la deziroj estos satigitaj. Oni promenos en la lando de revoj, spiros la aeron de Javo, sur ĝiaj plantejoj, aŭskultos la negran kanton kaj iuj ribeliĝos kontraŭ la nunaj »progresoj« sub influo de — batal-danco de »sovaĝuloj«... »Progresoj« de nia »kulturo« kaj — »sovaĝuloj«...

Forvagi kaj forgesi pri la lando de vivantaj ruinoj kaj transe senti sin en la lando de revoj — jen kion mi dezirus al ĉiu vizitonto...

*S. Grenkamp.*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas* interesajn *kontraŭopiniojn, koncernantajn iajn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

---

*S. GRENKAMP-KORNFELD* »*5.000.000*« (Eldonejo: »Esperantista Voĉo«, Jaslo, Polujo; 113 p. Prezo: P. 3.75)

Interesa titolbildo kun la Eiffel-turo, boksisto, nubskrapanto. Mi interesiĝas febre. Tria paĝo: devizo. Kvara paĝo: nenio. Kvina paĝo: peto. »Se la libro ne plaĉos al vi, rekomendu ĝin al viaj amikoj.« Hehe! Mi sentas la antaŭaromon de bona filmo. Nun ĝi komenciĝas. Sed ne. Nun sekvas la antaŭparolo, en ĝi vortraketoj, paradoksoj kaj ĉies oreloj estas iomete ekpinĉitaj kaj inter la multaj oreloj, la zorgema aŭtoro ne forgesas eĉ la siajn. La sekvo pruvas, ke ne malmerite. La antaŭparolo finiĝas per sincera frazo: »Ju pli verkoj, des pli da papero.« Kaj nun mi legos. En la aero vibras la streĉo de la atendo, mi preparas min al la komoda legado kaj mi decidas, ke post la multaj interesvekaj antaŭajoj, mi legos ion grandiozan. (Ĉar la memironio estas certe nur ĉarma ŝerco.) Jen komenco: S-ro Dolarer, prezidanto de la Nordamerika Esperanta Fonofilma Kompanio... hehe... tre interesa komenco... kaj mi legas kun la plej sindona bonvolo kaj poste mi balancadas la kapon: »mi ne tiel imagis.« La aŭtoro kolektis diversaĵojn, ne tro zorge elektitajn en volumeton: »Ju pli verkoj!« La lirikaĵoj, rakontaĵoj estas tre multspecaj, tamen io komuna estas trovebla en ili: la pala anemio. Du aŭ tri paĝoj tamen konsolas min. La aŭtoro, kiu estas unu el la plej agemaj, multflankaj, fervoraj esperantistoj, ĉiokaze ne trafis la celon, ĉar mi ne kuraĝas pensi, ke vere:.. des pli da papero! Antaŭ kelkaj jardekoj certe mi estus ĝojinta, ĉar tiam oni devis ĝoji pri la *esperanta* libro, sed nun ni jam devas esti pli kritikemaj; kaj la akvigitaj malnovaj anekdotoj, postsentoj, notetoj kaj kun ili *nur* kelkaj vere artaj kaj legindaj paĝoj certe ne ĉirkaŭos la frunton de la aŭtoro per novaj laŭroj. Sed, ni konas lin, ni povas lin taksi laŭ la akiritaj meritoj kaj esperi, ke venontfoje li certe ne mistrafos la celon. Sed tiun ĉi libron mi ne rekomendos eĉ al miaj amikoj.

*F. Szilágyi*

---

GEORGES EEKHOUD: SERVOKAPABLA! MARCUS TYBOUT. Tradukis el la flandra (franclingva) originalo: Leon Bergiers. Eldono de Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako, 1927. 70 pĝ. Prezo: 2.40

La aŭtoro de la libro estas ne nur romanverkisto, sed ankaŭ lirikisto. En siaj verkoj li pentras en pulsantaj potencaj priskriboj la kulpojn kaj ebriajn diboĉojn de la patrolando. Lia amo al la suferantoj kaj mizeruloj elbrilas ankaŭ el tiu ĉi libro. La pli longa el la du rakontoj: Servokapabla! prezentas du homojn: virino, simpla kampulino, kun arda patrina amo al sia adorata filo, kiun oni forŝiras de ŝi; junulo, suferanta sub la soldata disciplino. Li sopiras je la hejmo, patrino kaj amatino. En la alia rakonto: Marcus Tibout, temas pri vilaĝa Donjuano, kiun, post multaj amaventuroj trafas venĝo pro malfeliĉigita fraŭlino.

La tradukanto havas fluan stilon, lia frazkonstruo estas konscienca, kelkfoje eĉ trafe konciza. Kun bedaŭro mi rimarku tamen, ke li tro-, eĉ misuzas afiksojn. Trovéblas vortoj kun tri-kvar afiksoj. Tiaj vortoj ĝenas pro la longeco kaj enigmeco. Ni ankoraŭ devas diri, ke la stilo kelkloke ne estas unuavide klara, kio malfaciligas la tujan komprenon. La stilon pezigas ankaŭ la superflue uzataj kunmetitaj verboj. Tamen la traduko estas laŭdinda, ofte plastike esprimplena kun spritaj stiltrovaĵoj.

*R. Göndör*

*KOREKTA NOTO AL* »*NOBELA PEKO*«. Jus mi informiĝis, ke la kritiko laŭda de s-ro P. Stojan pro eraro de l' eldonisto ŝoviĝis en la antaŭparolon de s-ro T. Morariu, kiu okaze de la korekto de l' presprovaĵo petis la eldoniston, forlasi ĝin. La eldono de l' libro prokrastiĝis per unu jaro kaj ĉe la eldonejo oni forgesis pri la peto de s-ro Morariu. Do la ĉi-rilatan rimarkon de mia recenzo kaŭzis senintenca miskompreno. Mi mencias ankoraŭ, ke la traduko estis premiita de la Akademio dum la pasinta jaro.

*L. Totsche.*

*HERMANN HAEFKER: JARMILOJ PASAS.* Universala Historio (mondhistorio) en du volumoj. Verkita originale en Esperanto. Kun ses artaj reproduktaĵoj kaj dek-unu geografiaj skizoj. I-a volumo. 245 paĝoj. 16×23 cm. Duonleĵe bindita. Prezo gmk. 9.— (por ambaŭ volumoj kune gmk. 16.—). La dua volumo aperos en aprilo 1931. Eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Str. 94, Köln, Germanujo.

La altvaloran verkon ni recenzos post la akcepto de la II-a volumo.

JAK. DE VREESE S. J.: ESPERDONA ISLANDO Trad. Fratulo Floriano. 40 pĝ. Prezo afr. P. 1.60 Havebla ĉe Espero Katolika, Paris VIII. 22 Cours Albert-Premier.

La belaspekta kajero enhavas mallongan skizon pri la izlanda lando kaj popolo kaj ĉefe traktas pri la historio de la katolika religio sur tiu ĉi fora insulo. Al la valoro de la libreto multe aldonas kelkaj interesaj bildoj kaj unu geografia karto. La lingvo: simpla, flua. La libro legindas por la katolikaj espistoj.

*TC.*

AŬSTRALIO: LANDO kaj POPOLO. Originale verkita de A. Delsudo kaj Lauri Laiho. 93 paĝoj. 31 ilustrajoj kaj landkarto. Eldonis: Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. Prezo P. 9.75

La libro, verkita de enlandano, kaj eksterlandano (finno) vivinta en la lando, donas plenan kaj impresan bildon pri la nuna Aŭstralio. La verkintoj gvidas nin surmare, ĉirkaŭ la kontinento, poste per la transaŭstralia fervojo tra ĝi. La priskribo nenie fariĝas enua, n' ĉiam sentas la freŝan sensacion de ne ĉiutagaj vojaĝaj travivaĵoj. Unu post la alia ni ekkonas la ĉefajn urbojn de tiu ĉi vasta lando kaj malgraŭ ilia simileco ni ricevas trafajn, individuajn trajtojn pri ĉiu. La kernon de l' verko formas akravida, kelkfoje eĉ severa karakterizo de l' enloĝantaro, ni sciiĝas pri iliaj moroj, kutimoj, pri ilia tiel intensa sporta vivo, ilia politiko, ilia spirita medio. Kaj precipe ĉi tie montriĝas la avantaĝaj rezultatoj de tio, ke la libron verkis diversnaciaj aŭtoroj. Kion la enlandano ne rimarkus, la eksterlandano tuj ekvidas, kion la eksterlandano ne komprenus, la enlandano klarigas. La finon de l' libro okupas mallonga skizo pri la eltrovo, esploro, historia evoluo de Aŭstralio kaj kelkaj vortoj pri ĝiaj indiĝenoj, poste interesaj statistikaj tabeloj, indekso kun prononco de la plej uzataj nomoj kaj landkarto.

La stilo plejparte estas eleganta, moderna Esperanta stilo kaj — malgraŭ la *du* verkintoj — unueca. La aŭtoroj uzas kelkajn neologismojn, kiujn ili ne klarigas. Ili estus devintaj pensi pri tio, ke la lego de l' libro estas bona ekzerco por progresintaj lernantoj, do al la neologaj vortoj ili estus devintaj aldoni klarigajn notojn.

La aspekto de l' libro estas bela: bona papero, literoj logaj al lego, fotografajoj interesaj kaj impresaj. Oni povas envicigi tiun ĉi libron inter tiujn, kiuj konvenas por esti donacitaj.

*Ludoviko Totsche.*

### *TRI JAPANAJ LIBROJ*

*Rampo Edogaŭa*: UNU BILETO. Tradukita de Joŝiŝi Ŝimomura. 41 paĝoj.

*Jûzô Jamamoto*: INFANMURDO. Tradukita de Joŝiŝi Ŝimomura. 47 paĝoj.

*Kidô Okamoto*: EPIZODO EN ŜUZENJI. Tradukita de Ŝihej Mijake. 46 paĝoj.

*Eldonejo*: ESPERANTO KENKJU-ŜA, Tokio. Aperintaj en la serio: Biblioteko de Japana Literaturo.

I. La literatura valoro kaj komposto de tiu ĉi libreto donas al ni la impreson, kvazaŭ ni vivus ŝtonepokon de nia literaturo. La enhavo: tiel nomata »detektiva novelo«. Anemia Conan Doyle-imitaĵo. La naive rakontitaj implikaĵoj ne incitas la interesiĝon de l' leganto. En la 41 paĝa kajero troviĝas 86 kompostmankoj (cetere korektitaj sur aldonita folio!

II. Unuakta dramo kun tendenco socia. Ĝi temas pri la mizero de Tokia suburbo. Sed la tendenco montras sin nuda antaŭ ni. Nek poeta talento, nek dramverkista forto. La figuroj ne estas el sango kaj karno, sed el rotacipapero!

III. Fine japana aero blovtuŝas nin el la tria de tiuj ĉi libroj aperintaj en la »Biblioteko de Japana Literaturo«! La »Epizodo en Ŝuzenji« estas drama skizo el la sanga pasinto de l' japana historio. La ŝtormantan ĉielon de tiu ĉi tempesta, perfortema epoko trabrilas la serene milda lumo de la amo de juna knabino oferanta sin por la amato persekutita. Tiun ĉi temon mi legis en nekompareble bela, genia prilaboro de Klabund (Das Kirschblütenfest), tamen mi legis kun interesiĝo la verkon de Kidô Okamoto.

— —

Ne konante la originalojn, ne estas kontrolebla la fideleco de l' traduko. Ne estas konstateble ankaŭ: ĉu la troa naiveco de l' stilo estas kulpo de la verkintoj aŭ de la tradukintoj? En la frazoj komenciĝantaj kun »se« s-ro Ŝimomura uzas anstataŭ la pasinttempa kondicionalo la pasintan tempon de l' indikativo. Tio ĝustas en la franca lingvo, sed estas grava eraro en Esperanto.

*Ludoviko Totsche.*

# D I S K U T O

## Originala aŭ tradukita literaturo?

Se oni volas aserti, ke specialan distingon meritas sole literaturo originala (ec se malbona), ni devas konfesi, ke ni posedas ankoraŭ tre malriĉan, preskaŭ sensignifan literaturon, ĉar en nur kelkdek volumojn ni povus meti nian tutan originalan verkaron. Oni lanĉas nun en Esperantujo la konvinkon, ke ĉio, kio estas originale-esperanta, nepre estas bona. Mi pensas, ke tio estas karikaturigo de la devizo pri »memsufiĉo«, aplikata nun en multaj suferantaj landoj. En literaturo oni ne povas mezuri la valoron de ia verko laŭ tio, ĉu ĝi estas originala aŭ tradukita.

Kelkaj volas kredigi, ke nur originalaj verkoj fleksas la lingvon, fandas la stilon en fajro de novaj paroljongloj — do nur originalaj verkoj konstruas kaj evoluigas nian lingvon. Tio ne estas ĝusta. Originala Esperanto-literaturo (ne konsiderante la milojn de versajoj, fabrikataj de ĉiu freŝe bakita Esperantisto) estas esence nova aperaĵo en nia lingvo. Ĝis la milito preskaŭ ne ekzistis originala esperanta beletristiko kaj tamen la lingvo bone evoluadis. Bonegaj tradukoj de plej gravaj verkoj el la tutmonda literaturo donis plenan ĝuon al ĉiu Esperantisto.

Ĉiu literaturo devas havi specialan medion kaj necesajn kondiĉojn, en kiuj ĝi povas disvolviĝadi. En la nacilingvaj literaturoj tiun ĉi necesegan sukon liveras la vivo mem: la nacia, socia aŭ kultura vivo de la homgrupo, uzanta la koncernan lingvon. Tiamaniere fariĝas tio, kion ni kutime nomas: la vivo respeguliĝas en la literaturo. Tie ne ekzistas limigoj, baroj aŭ malhelpoj. Libro respegulas individuon, literaturo — tutan socion kun ĉiuj ĝiaj bonaj kaj malbonaj kvalitoj. Literaturo de popolo ne ĝenas sin pro siaj kolero kaj malamo, kun kiuj ĝi ofte rilatas al aliaj popoloj aŭ homaj grupoj. Tio estas ja la vivo, kiu ĉiutage reveliĝas al ni en mil kaj unu metamorfozoj.

Nu, ĉar ne ekzistas esperanta nacio, socio aŭ kompakta homamaso, estas neeble postuli, ke en tiel nenormalaj kondiĉoj kreiĝu originala literaturo. Kiun formon de nia vivo ĝi reprezentu kaj en kio esprimiĝu ĝia vivoinstinkto? Dume, ni estas nur movado, kies anoj havas verdire interrilatojn, sed inter kiuj ne ekzistas socia kunvivado. Estas ja nerealeco preni ekz. hungaron, ĉehon, polon kaj germanon, el kiuj ĉiu vivas laŭ malsama spirito, kaj inter kiuj la kruda vivo kreis malfeliĉajn rilatojn, kaj kuiri iliajn sortojn en komuna poto. Kaj ĉar la kreantoj de nia originala literaturo evitas la senkompatan severecon kaj krudecon de l'vivo el la timo, ke tiu aŭ alia vero kaŭzus doloron kaj koleron ĉe tiu aŭ alia »samideano«, plie — ĉar oni ne povas ja kuiri la vivon en la dolĉaj akvoj de la de ni imagata kaj revata feliĉo — pro ties absoluta manko — oni devas pro tio krei arte tiajn eblecojn aŭ almenaŭ ŝajnon de eblecoj, kiuj donus iluzion de pli bela vivmaniero: en tiuj verkoj oni provokas nenaturajn situaciojn, nerealajn cirkonstancojn, enspiras en ilin por momento ion, kio similas al vivo, kaj tiel preparitan oni metas antaŭ nin la originalajon. Tio certe estas tre nobla entrepreno, sed malgraŭ ĉio restas nur iluzio, tre malproksima de la reala vivo.

Tio komprenebligas, kial la plimulto el la originalaj Esperantoverkoj (mi ne nuligas la malmultajn esceptojn, kiuj sekve praviĝas la regulon) havas plej ofte abstraktefantazian fizionomion. Eĉ la nomoj de l' herooj ne estas tiuj de teranoj, sed arbitre elpensitaj. El tiuj verkoj parolas al ni fremdaj homoj (ĉu *homoj?*), absolute

fremdaj, el nekonataj al ni medioj, el nenaturaj situacioj, kun nerealaj sentoj kaj instiktoj. Kion fari? Tiaj senvivaj figuroj, kiujn pliĝuste la aŭtoro inventis en sia fantazio, ne povas influi nin. Kiom ajn multe ni respektas la noblan intencon de l'aŭtoroj, kiuj nepre volas ofte malamikajn homojn aŭ grupojn emigi al harmonia kaj ideala kunvivado, ni devas tamen kun bedaŭro konstati, ke la vivo ŝercas pri tiaj idealoj.

Se efektive Esperanto iam pli poste kondukos la homaron al nova kulturo, tiam verŝajne ankaŭ por ĝia originala literaturo malfermiĝos nova horizonto. Tiam eble formiĝos ia reala supernacia kompakta socio, kiu stampos sian markon ankaŭ sur la vivon de individuoj. Estas malfacile imagi la precizan formon de tia socio, sed ĝi estas verŝajna principe. Tiam nia literaturo havos la taskon disvastigi **novan**, realan kulturon — kaj en tio plenumiĝos ĝia misio. Sed ĝis tiu feliĉa momento ni dume devas vivi nian nunan vivon kaj respeguladi en nia literaturo ĝuste tiun ĉi nunan vivon. Se ni mem ne kapablas per originalaj verkoj fari tion, venas kun helpo la tradukita literaturo, en kiu oni povas abunde kribri: ĝi kapablas liveri al ni — se ni nur volos — verajn perlojn, kiujn la kritikistoj de la tuta mondo aklame aprezis kiel la plej bonajn.

Se nia originala literaturo iros la vojon de l'vivo, ne kroĉante sin al iaj fantazioj kaj utopioj, ne vagante sur la periferioj de l'vivo, ĝi havas estontecon, kiel ĉiu bone bazita literaturo. Eble ni ankoraŭ ne posedas la literaturan tradicion, mankas al ni ankoraŭ la majstroj de l'plumo, la veraj forĝistoj de nia literaturo. Sed ankaŭ ili venos. Kaj ni — ni devas prepari la kampon, ebenigi la vojon por tiuj majstroj venontaj. Ili jam venas, jam ili marŝas al ni...

Dume malgravigi la signifon de nia literaturo tradukita — estas eĉ danĝero por nia literaturo entute. Kion ni devas fari, estas klopodi kaj peni, ke oni iom pli serioze antaŭe pripensu, kiun novan verkon traduke donaci al ni. Kial plenigi nian libromerkaton per fuŝajoj kaj bagatelajoj, se ni povas riĉigi nian literaturon per sendube valoraj verkoj el grandega tutmonda librokolekto.

Se originala literaturo estas afero de nia ambicio, la tradukita (sed bone tradukita!) estas garantio pri nia lingvo. Tiun-ĉi simplan veron la unua konsciis la aŭtoro de nia lingvo. Li en la komenco donacis al ni kelkajn valorajn poeziajojn en Esperanto por doni la necesan satisfakcion al la lingvo. Sed por pruvi la taŭgecon de Esperanto li tradukis esperantan Ŝekspiron kaj Dickenson (tiun lastan tradukis eĉ el germana traduko) — jen kiel alte la Majstro taksis la necesecon kaj utilon de tradukita literaturo.

Kelkaj vortoj estas ankaŭ dirotaj pri tiuj, kiuj provas kredigi, ke Esperanto entute ne estas uzebla por literaturo, por beletristiko aŭ poezio. Tiu ĉi opinio estas simple ridinda. Kontraŭ tiaspeca obskureco oni povas nur levi la ŝultrojn, se tiuj asertantoj neniel volas foje fari la penon por ekkoni nian lingvon kaj ĝiajn literaturajn valorojn. Je niaj mensoj la pseŭdo-sciencaj argumentoj pri la artefariteco de Esperanto faras jam nenian impreson. Ja ni mem atestas nuntempe grandegan metamorfozon en la muzika arto, kiu transiras en formon »ĝisoste« mekanigitan: la radio-muziko. La delikata orelo de muzikamanto disŝiriĝas je pecoj, aŭskultante la mekanikan muzikon, sed super kaj malgraŭ tiuj »orelŝiraj« scenoj la mekanika muziko ekiras sian vivon kun forto kaj obstino, propra al ĉiu juna organismo, konkerante ĉiam pli kaj pli grandajn armeojn da adeptoj. La koncepto pri artefariteco fariĝis nun tre relativa kaj en multaj okazoj oni ne povas precize difini, kie troviĝas la limo inter »natureco« kaj »artefariteco«.

Por ni, Esperantistoj, ne ekzistas demando pri la literatura ebleco kaj taŭgeco de Esperanto. Por ni estas grava la principa problemo, ĉu pro motivoj supre esprimitaj valoras ludi originalan literaturon, dum ni kun plena ĝuo povas ĉerpi el la senfinaj fontoj de la nacilingvaj trezoroj? Ĉu niaj plej bonaj, plej kapablaj plumoj devas sian tutan energion streĉi por krei en plej bona okazo ion tre mezkvalitan — dum grandiozaj kreajoj de mondkonataj majstroj simple petegas, ke oni traduku ilin en nian belan, gracian lingvon?

Ŝajnas al mi, ke tio eĉ estas la misio de Esperanto.

*J. Lejzerowicz.*

# NIA POŜTO

*P. Tolnai.* Espisto estas mallongigo de esperantisto.

*P. B. Leipzig.* En la proceso »lici, durfi, darfi« en la proksima numero ni presigos artikolon.

*Petas informojn* pri stenografio, lingvoj, etnografio Esp. instruo, kutimoj, ceremonioj, turismo, cigana lingvo *Teodoro Kovács, Rákosszentmihály, Hungarujo.*

*S-ro Eitner, Salomvár.* Letero danke ricevita. Erare senditajn nrojn 2 kaj 3 bnv. sendi al viaj amikoj, unuan bnv. resendi.

*S-roj Eriksson, Stokholm, Rosenstock, Zagreb.* La verko de Forge ankoraŭ ne estas finpresita. Tuj post pretiĝo ni ekspedos ankaŭ al vi.

*Konkursonto por varbado.* Du semajnojn post la dissendo de nia alvoko venis 46 novaj abonantoj. Ni esperas, ke post la estona numero, kiu aperos en majo sur 32 paĝoj, ni povos konstante aperigi gazeton 32 paĝan. Relegu nian cirkuleron.

*Aldonoj.*

Al la hodiaŭa numero estas aldonitaj:

a) prospekto pri la Andree verko, kiun ni speciale rekomendas al vi;

b) listo de novaj verkoj haveblaj ĉe nia librejo.

*Nia varbkonkurso.*

Ni alvokas vian atendon denove al nia cirkulero, dissendita kun la marta numero. Dume alvenis preskaŭ 50 novaj abonoj. Ne forgesu ankaŭ vi fari vian devon!

# KONKURSO

Literatura Mondo anoncas konkurson por originala Esperanto-romano.

KONDIĈOJ:

1) La temo estas laŭplaĉa.
2) Amplekso: maksimume 300.000 litertipoj.
3) La verkon oni sendu sub pseŭdonimo ĉemetante la veran nomon en fermita koverto, signita per la pseŭdonimo.
4) Maŝinskribo unuflanka kun marĝeno ĉ. triono de la largeco.
5) Limtempo: 31-a de majo 1931.

**JUĜANTA KOMITATO:**

Julio Baghy, Karlo Bodó, Jean Forge, K. Kalocsay, Raymond Schwartz

**PREMIO:**

300 t. e. tricent pengoj.

Konkursante oni konsentas pri la senpaga publikigo en Literatura Mondo kaj pri la kutime honorariata eldono en libroformo.

Se la verkoj ne atingus certan nivelon, la komitato rezervas por si la rajton pri la eventuala nealjuĝo aŭ dispartigo de la premio.

**LITERATURA MONDO**

*Kovrildesegno kaj inicialoj de pentrartisto* ***Blau***

Felelős szerkesztő: **Bodó Károly**
Felelős kiadó: **Zöldy István**

# ORIGINALAJ VERKOJ

eldonotaj de LITERATURA MONDO, en la jaro 1931:

| EN APRILO | EN MAJO | EN JUNIO |
|---|---|---|
| JEAN FORGE<br>Mr. Tot aĉetas mil okulojn<br>*romano* | K. KALOCSAY<br>Streĉita Kordo<br>*poemaro* | JULIO BAGHY<br>Papilioj ĉe la Fajrujo<br>*romano* |
| EN AŬGUSTO | EN OKTOBRO | EN DECEMBRO |
| K. Kalocsay<br>Lingvo, Stilo, Formo<br>*lingvaj studoj* | F. Szilágyi<br>Modernaj Fabeloj<br>*novelaro* | ?<br>la premiita romano dum la konkurso de Literatura Mondo |

## Infero, romano de Julio Baghy

(DAŬRIGO DE VIKTIMOJ)

**Pri prezoj kaj ampleksoj atentu niajn anoncojn!**

---

## JEAN FORGE DENOVE EKVERKIS!

ĈU VI

VOLAS, KE LI REFOJE EKSILENTU

VOLAS LA MALKRESKON DE LA ORIGINALA ESPERANTA LITERATURO

VOLAS PRAVIGI KE NIA LINGVO NE POVAS HAVI LITERATURON

?

CERTE

VI NE VOLAS TION!

VI DEZIRAS LA VIGLAN VIVON DE NIA LITERATURO

TIAL VI AĈETOS LA NOVAN VERKON DE LA FAMA VERKISTO:

## MISTER TOT AĈETAS MIL OKULOJN

PRI

LA ENHAVO DE LA ROMANO LEGU LA INTERVJUON KUN LA VERKISTO

LA ASPEKTO KONVINKU VIN RIGARDANTE NIAN REVUON

LA MENDO TURNU VIN AL LA

ELDONEJO

LITERATURA MONDO

kaj al niaj reprezentantoj

Amplekso:
13·5×20 cm. 240 pĝ

Prezo:
bro P 4·50, bind P 6·50

---

## Vizitu la postkongreson en Budapest dum. 1931